XXVII-a jaro. — N° 366 (2). Monata Februaro 1931.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Ĉu homara kulturo estas ebla ?

Interesa polemiko lastatempe paroligis francajn kaj germanajn verkistojn pri eŭropa kaj eĉ tutmonda kulturo. (Vidu paĝon 23.) Estas rimarkinde, kiom malfacile la literaturistoj sukcesas imagi valoron ekster aŭ super sia propra lingvo. Ne nur la formon artan, sed eĉ la penson mem ili vidas nedisigebla de la ilo, kiun ili uzas.

Tial ili emas al universaleco de sia gepatra lingvo kvazaŭ al sola ebleco de internacia kulturo kaj samtempe kontraŭbatalas universalecon de aliaj lingvoj, ĉar tro naciaj. Alifoje ili tute ne kredas je tia homara kulturo aŭ pli modeste ĝin imagas nur kiel babelan turon de naciaj literaturoj interŝanĝe studataj kaj iom tradukataj.

Muzikistoj aŭ skulptistoj pli kapablas altiĝi je supera vido, ĉar ilia ilo ne konas landlimojn. Sed literaturistoj restas malantaŭe, krom famaj esceptoj, pro la natura ligo al sia esprimilo. Ĉiu vidas la mondon per koloraj okulvitroj.

Tamen oni ĉie sentas, ke la homaro ekkonscias pri sia unueco kaj iom klopodas ĝin organizi. Multaj konfesas, ke tiu supera unueco almenaŭ same gravas kiom la naciaj unuecoj esprimitaj en naciaj lingvoj. Ĝis nun estis kredate, ke sufiĉas adicio, do sumo de la naciaj valoroj, por doni korpon al la internacia.

La spertoj montris, ke tio ne estas sufiĉa. Io necesas, kion nura sumo ne havigas. Io mankas, sen kio eĉ adicio ne realiĝas. Tio estas la interligo inter partoj kaj la esprimo de la komunaj sopiroj.

Ĉu sumo de la individuoj iam sufiĉas por krei amon aŭ amikecon ? Simile bezonas la mondo tiun ligeman valoron, kiu esprimas ne nur interrilatojn, sed kunan esperon kaj penson.

Kaj ĝuste tie malsukcesas la naciaj esprimiloj, ĉar ili portas tro grandan ŝarĝon de aparteco. Ĉiu prezentas vastan aŭ malvastan, sed ĉiam limigitan civilizon. Dum ŝtono sub fingroj de skulptisto aŭ sonoj sub fingroj de muzikisto kapablas veki la homan komprenon ĉie, nacia lingvo haltas ĉe landlimo.

Se ĝi penetras eĉ transen, tiam ĝi efikas tute alie ol en hejmlando. Ne nur kvante ĝi perdis forton, sed ankaŭ kvalite ; ĝi restas eĥo de sia devenaĵo. Ĝi ne sukcesas kiel taŭga ligilo inter aliaj kulturoj al ĝi fremdaj. Ĝi ŝanĝas sian direkton, kvazaŭ luma radio pasante el aero en akvon.

Fakte la nunaj tri aŭ kvar plej konataj nacilingvoj jam trovis diversajn klientarojn eksterlande kaj, anstataŭ unuigi la homaron, ekdividis ĝin denove laŭ emoj, simpatioj, antipatioj.

Legante la polemikon de la eŭropaj literaturistoj, oni sentas profunde tion, kio mankas, t. e. akcepton de neŭtrala interliga esprimilo, kapabla ne nur helpi la interkomunikadon sur egala bazo, sed ankaŭ havigi eblecon de komuna konstruado.

Internacia lingvo kompreneble. Sed ĉu sistemo kiel Esperanto kapablas ludi tiun rolon ? Ĉu ĝi ne estas tro simpla, tro regula, tro elementa ? Necesas iom rigardi la sperton kaj ne resti je antaŭjuĝoj jam duoncentjaraj. Fine lingvo nur valoras tion, kion homoj esprimas en ĝi kaj la ilo progresas kun la enhavo.

Kvardek jaroj da uzo parola kaj skriba ne perdigis al Esperanto ĝian regulecon en verbaj tempoj, sed ili riĉigis milope ĝian vortaran kaj stilan materialon. Eĉ novelistoj uzas ĝin kaj estas legataj en tuta mondo. Ĝiaj revuoj kaj kongresoj diskutas mondproblemojn en granda facileco kaj libereco. Ne kostas ĵeti rigardon al tiu flanko por vidi ĉu ne eklumiĝas vero tie.

Edmond Privat.

# Socia Vivo

## Egoismo persona kaj nacia

Kio estas la fundo — aŭ supro — de la saĝo trovebla en la instruoj etikaj aŭ religiaj de l'antikva kaj moderna tempoj ? Ĝi estas la detruo pri la iluzio de l' *mi*, konsiderata kiel plej grava afero kaj celo de la vivo.

Al ĉiu homo lia persono ŝajnas esti multe pli grava kaj prizorginda ol la ceteraj. Kio kontraŭstaras al liaj deziroj aŭ plaĉoj kaŭzas al li multe pli akran suferon ol la malfeliĉoj de l'aliaj.

Tamen, se li pripensus iom, li baldaŭ ekvidus, ke lia graveco estas fakte iluzio. Se ĉiuj sentas same pri si mem, ĝi ne povas esti vera. Cetere la leĝoj de la publika organizo jam diras la malon. Juĝisto devas konsideri ĉiujn homojn kiel samrajtajn. La vivbezonoj de unu estas egale gravaj kiom la vivbezonoj de l'alia. Se la juĝisto ne rigardas *senpartie,* tuj ĉiu konstatas lian maljustecon.

Do la homo, kiu pripensas, iom post iom perdas la iluzion pri la plej — aŭ pli — graveco de lia persono kaj ne konsentas plu konservi pri si mem vidpunkton, kiun li trovus malbona ĉe juĝisto aŭ fakte ĉe iu ajn alia.

Iom post iom li komprenas la egalvalorecon de l'bezonoj, plaĉoj kaj cirkonstancoj de aliaj homoj. Iliaj ĉagrenoj lin dolorigas kaj iliaj ĝojoj lin plezurigas. Li perdis la iluzion pri si kaj eksentas sian komunecon kun ĉiuj.

Ne nur pripenso lin helpas en tio, sed ankaŭ amo. Ĉe la patrino tiu sento estas ja instinkto rilate al siaj idoj, kies bezonojn ŝi taksas pli ol siajn proprajn. La samo estas en okazo de vera enamiĝo de gejunuloj. Ili tiam spertas unufoje la plenan sindonon kaj preferon de alies feliĉo al sia propra. Se tiu sperto mankas, tiam ne venis vera amo, sed nur deziro de posedo, kio estas ja tute alia afero.

Sed maloftaj estas la homoj, kiuj per ĝisfunda pripenso aŭ per tutvasta amo sukcesis perdi komplete la iluzion pri ĉefgraveco de si kaj male vivi en plena kompreno kaj helpemo al ĉiuj homoj kaj eĉ al bestoj.

Kiuj atingis tian staton, tiuj anstataŭis la konscion pri *si* per la konscio pri *ni* kaj eĉ la konscion pri *ni* per la konscio pri ĜI, signifanta la tutan veron, inkluzive la vivon de la homaro kaj de ĉio cetera.

Malkovri novan kampon en scienco aŭ kompreni la internan suferadon de unu aŭ pluraj aliuloj, jen diversaj vojoj kreskigi sian konon de la vero kaj detrui tiun muron de *mia* kaj *via*, kiu kaŝas al ni la fundamentan realon.

Multaj eraroj kaj spertoj kutime necesas antaŭ ol homo kapablas ekkompreni tion. Ĉe kelkaj la detruo de l'egoista iluzio alvenas iom subite per interna revolucio, ĉe ceteraj ĝi estas nur rezultato de longa ŝtupa-post-ŝtupa evolucio.

Kiel ajn okazis, ili de tiam simpatie kaj kompreneme sekvas la kreiĝon kaj ekvivon de l'ceteraj estaĵoj sed samtempe konstatas ĉiam la saman fenomenon : la eta infano emas vivi kaj ekhavas individuajn bezonojn kaj dezirojn. Li baldaŭ insistos pri *si* kaj *sia*. Ĉiu nova individua vivo kunportas tiun kreskon de natura egoismo, en materiaj aferoj (deziri, avidi, preni, ataki, posedi, konservi, defendi, bati, rebati k.t.p.) kaj spiritaj aferoj (ĵaluzi, ambicii, fanfaroni k.t.p.).

Neniu grupa vivado familia aŭ nacia estus ebla, se la ekvilibro ne restariĝus per alia emo — aŭ kolektiva instinkto — moderiganta la individuan regemon, tio estas la konscio pri *ni* anstataŭ pri *mi*, alivorte konscienco aŭ kompreno pri la tuto anstataŭ la ero.

***

Nu, la sama observado povas aplikiĝi al la vivo de nacioj, la nuna formo de homaj grupoj. Jen unu tia grupo, kiu sentas fortan komunecon de lingvo kaj tradicioj moraj kaj eĉ eble ekleziaj. Ĝi vivis dum certa tempo sub regado de alia nacio kaj suferis la premon.

Kiu amas la homaron, tiu helpis aŭ simpatiis la liberiĝon de tiu popolo kaj bonvenigis ties fondon de propra aparta regno. Ĝi ja rajtas vivi, kiel ĉiuj aliaj.

Sed jen komenciĝas la individua ekzisto kun siaj vivbezonoj kaj la neevitebla egoista iluzio. Al tiaj nacianoj ŝajnas ke ilia nacio estas ja la plej grava. Nur ĝiaj bezonoj, nur ĝiaj malfacilaĵoj aŭ sopiroj okupas ilian atenton kaj simpation.

La juna aŭ rejuniĝinta nacio emas vivi kaj ekhavas individuajn dezirojn. Ĝi insistas pri *si* kaj *sia*. Aperas en materia vivo la nacia avido, preno, atako, posedo, konservo, defendo, bato, rebato kaj en spirita vivo la ĵaluzo, ambicio, fanfaronado k.t.p.

Nenia internacia kunvivado estus ebla, se la ekvilibro ne restariĝus per alia emo aŭ kolektiva instinkto supera moderiganta la nacian regemon. Tio estas la konscio pri *ni : la homaro* anstataŭ *ni : nacio X.* aŭ *ni : nacio Z.* alivorte konscienco aŭ kompreno pri la tuto anstataŭ la ero.

Intence mi uzis tie la samajn aŭ preskaŭ la samajn vortojn jam uzitajn pri la eta infano. Kiu ne vidas la frapantan similecon inter tiuj du fenomenoj de la vivo ?

Ĉiu vivas en la iluzio pri si mem kaj pri la ĉefgraveco de si mem. Sur la internacia kampo ankoraŭ ne ekzistas eĉ la leĝa kutimo por helpi la senton pri justeco kaj senpartieco. Kiu kuraĝus aserti, ke la vivbezonoj de najbara nacio tiom gravas, kiom tiuj de sia patrujo, tiu homo riskus kulpigon pri perfido. Li riskus eĉ foje mortigon. Sed, se li perdis la iluzion pri si, tiam nenia timo povas lin atingi.

Tia homo estis D-ro Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, kiu profunde sentis ekzemple la suferojn de sia malfeliĉa popolo hebrea kaj tamen avertis kontraŭ la danĝeroj de nacia movado kun atentigo, ke ĉiu komenco de aparta ekzistado kunportas kun si riskon de konfliktoj kun aliaj nacioj, se oni ne regigas super propra intereso la intereson de la ceteraj kaj la konscion pri *ni ĉiuj* anstataŭ pri *ni aparte.*

Estas naiva eraro de kelkaj esperantistoj imagi, ke la nura disvastigado de internacia lingvo sufiĉos por eviti militojn. D-ro Zamenhof ne kredis tion. Kion li kredis, kaj tute prave, tio estas, ke la disvastigo de helpa mondlingvo helpos la homojn koni la veron pri la ceteraj nacioj, kunligiĝi kontraŭ milito kaj kompreni la senton esprimitan per Esperanto.

Pro tio li ĝin ne nur « iniciatis » el lingva fundamento, sed li tuj de la komenco fidis al ĝi sian plej gravan spiritan konvinkon, nome sian racian kaj samtempe koran konscion pri la unueco de la mondo. Tiun ĉi senton li fidis al flugiloj de la nova lingvo por ke ĝi « flugu de loko al loko ».

Sed tiun senton oni devas klare kompreni kaj ne nur blinde kanti en himno. Ĝi estas nenio malpli ol la konscio pri la tuto unuiganta ĉiujn erojn kaj la detruon de la historia iluzio pri la ĉefgraveco de la ero : « Falu, falu, muroj inter la popoloj » !

Ne temas pri detruo de individuaj aŭ grupaj vivoj. Zamenhof komprenis ja, ke ĉiu homo devas fari sian ĉiutagan laboron kaj li ankaŭ akceptis la patrolandan vivon kiel administran dividon de laboro, same necesan kiel la hejman. Ne ĉiu povus fari ĉies laboron.

Sed tion, kion li profunde sentis kaj *sciis,* tio estas, ke harmonio internacia kaj interhoma povas veni nur kiam regos la konscio *tuta* anstataŭ *aparta* kaj la bezonoj de l'ceteraj nin interesos same kiel niaj propraj.

Edm. P.

## Konsilantaro kaj minoritatoj.

*Mankoj ĉe la Ligo de Nacioj*

Observantoj de la Ligo de Nacioj ne povas alie ol konstati la gravajn mankojn ankoraŭ influantajn en negativa senco la funkciadon de tiu institucio. Interesa estus serio de skizoj pri la pozitivaj kaj malaj punktoj ĉe la Ligo.

Ĝia ekzisto kaj taŭga funkciado estas nepre necesaj al pacigo de la mondo. Sed nura ripetado de tio ne helpas atingi la celon. Ankaŭ ne helpas nura levo de ŝultroj aŭ insultado.

Pli urĝa kaj efika ŝajnas al ni atenta observado kaj kritikado de la Liga vivo, ne por ĝin detrui, sed por ĝin plibonigi. Jus okazis kunveno de la konsilantaro. Ĝi diskutis interalie la problemon de naciaj « malplimultoj », aŭ « minoritatoj ». Brilis tie pluraj el la tipaj mankoj ĉe la Ligo de Nacioj. Ekzamenu la juĝantaron kaj la problemon.

La konsilantaro estas la plenuma komitato de la Ligo. Anstataŭ enteni 54 membrojn-ŝtatojn, ĝi entenas nur 14, kvin konstante sidantajn, kaj naŭ elektitajn de la ĝenerala kunveno septembra. Kiu reprezentas ilin ĉe la tablo kun blua (ne verda) tapiŝo? Kutime la ministro de eksterlandaj aferoj mem aŭ foje lia ambasadoro en Parizo aŭ Londono.

Afero staras sur tagordo. Delikata ĝi estas. Ĝi havas du flankojn, unu homa, unu politika. Estas honoro de la malgrandaj ŝtatoj aparte prizorgi la unuan, ĉar iliaj politikaj interesoj ne larĝas tiel vaste.

Malgrandŝtata diplomato sidanta en Ĝenevo petas do instrukcion de sia registaro kaj ricevas kredeble tiun kutiman respondon, kiun telegrafistoj verŝajne scias parkere « Jes, defendu tiun vidpunkton (justan kaj homan) sed kompreneble ne malbonigu niajn rilatojn kun grandŝtato X, se ĝi kontraŭstaras insiste ».

Alivorte: « Staru sur unu kruro la tutan matenon, sed kompreneble ne falu! » Kion devas, kion povas fari la dirita diplomato, speciale se li ĝuste loĝas kiel ambasadoro en la ĉefurbo de la grandŝtato X? Ĉu li rajtas endanĝerigi la komercan kontrakton, diskutotan morgaŭ kun tiu potenca registaro? Metu vin mem en lian haŭton kaj juĝu.

La sistemo ne taŭgas. Kiam temas pri aferoj similaj, kiuj postulas senpartian juĝadon kaj liberan rajton je opinio kaj interveno, la konsilantaro estas tro politika estraro. Ilin devus esplori komisiono pli parenca al Haga tribunalo (rezervita por juraj procesoj).

Rigardu la sistemon de koloniaj mandatoj, laŭ kiuj oni komisias administradon de afrikaj aŭ aziaj teritorioj al iu aŭ alia eŭropa ŝtato. Ni ĝin ekzamenos iam ĉi tie.

Almenaŭ la kontrola komisiono konsistas je sendependaj spertuloj, kio estas granda avantaĝo. Ilia opinio ne riskas endanĝerigi ilian landon kaj ili povas pli libere kritiki.

Nu pri la problemo mem de la minoritatoj. Estas konata fakto ke neniu ajn landlimo en orienta Eŭropo estos iam absolute justa, ĉar la diversaj gentoj estas tro miksitaj tie. Ĉiam vi havos vilaĝojn kun unu lingvo ĉirkaŭ urbeto kun alia, k.t.p. kiel ajn vi decidos kaj ŝanĝos la limojn.

Pro tio Wilson postulis, ke la orienteŭropaj regnoj subskribu specialajn kontraktojn por garantii sian solenan respekton kaj protekton al la lingvo, religio, vivo, k.t.p. de la naciaj minoritatoj sur sia teritorio. Sed la venkintaj landoj ne subskribis tiun devon por si. Ili nur trudis ĝin al ceteraj, ĉu venkitaj, ĉu renaskiĝintaj. Jam el tio venas certa ĝeno pri tiu delikata temo. Aliflanke ili ne ŝatas ofendi amikajn landojn, kies helpo aŭ simpatio praktike necesas.

Male aliaj landoj ne havantaj samajn kaŭzojn trovas okaze nacian aŭ politikan intereson en kritikado de alia ŝtato pri ties konduto al minoritatoj. Tiamaniere politiko influas ambaŭ deziron kaj maldeziron tuŝi la problemon.

Unuflanke la Ligo devas fari sian devon, kiu estas protekti la minoritatojn kaj devigi al plenumo de la subskribitaj kontraktoj. Aliflanke ĝi estis fondita antaŭ ĉio por helpi al paco, ne al disputoj. Kaj nedubeble la minoritataj aferoj ĉiam kreas malpacojn tiom pli, ke malfeliĉaj popoloj emas nature al disiĝo de la ŝtato, en kiu ili ne ŝatas vivi, kaj tio kaŭzas plian suspekton kaj venĝemon.

La homa ideala solvo kompreneble estas tiu, kiu proponis absolutan egalecon de rajtoj kaj lingvoj en ĉiuj regnoj, eĉ neŭtralajn nomojn por la ŝtato mem, tiamaniere, ke neniu el ties gentoj sentu sin pli « posedanto » de la teritorio ol la alia. Estas ja fakto ke la franclingvaj svisoj ne vivus tiel pace kun la germanlingva plimulto, se tiu volus nomi la ŝtaton « Alemanio » laŭ sia raso aŭ trudi al Genève la nomon « Genf », kion ili ne faras.

Sed ne temas tie pri solvo teoria, sed pri la tuja tasko de la Ligo de Nacioj, kiu estas interŝtata institucio. Kiuj en ĝi malŝatas ĝian kontroladon de tiaj aferoj kaj emas dormigi en tirkestoj ĉiujn plendojn de minoritatoj, tiuj povas uzi efike la argumenton ke tiu problemo kreas malpacon kaj tiel kontraŭas la celon mem de la Ligo.

Kiuj en ĝi deziras male veki la tutan aferon kaj ĝin solvi, tiuj ankaŭ povas efike uzi la argumenton, ke la daŭra nesolvo endanĝerigas la pacon lasante vundojn pligraviĝi kaj infekti la eŭropan korpon.

Ambaŭ estas pravaj unurilate. Do kion fari? Forigi tiun aferon de la politika scenejo, kie ĝi maltaŭgas, kaj organizi ĝian kontroladon per aparta spertularo, elektita de la Ligo de Nacioj kaj traktanta kun la plendantoj kaj registaroj sur tute alia bazo pli simila al tiu de la Ruĝa Kruco, kie politikaj influoj estas minimumaj.

P.

## La Usona politiko pri enmigrado

de Ambroise Got

Antaŭe la Unuigitaj Ŝtatoj estis lando malfermita al ĉiu vento kaj ĉiu enmigrado. Ili esti kvazaŭ la rubdeponejo de maljuniĝinta Eŭropo, kiu tien povis senlime forŝovi la troon de siaj loĝantaro kaj energioj.

Tiam la politiko de la Unuigitaj Ŝtatoj nepre celadis la plimultigon de la loĝantaro, kiom ajn tio kostas, kia ajn estos la kvalito de la deponata materialo. La tasko estis, kiel eble plej baldaŭ kaj por ĉia ajn prezo, koloniigi la senkulturajn vastajn regionojn, ekkulturi la senlimajn okcidentajn vastaĵojn.

Sed de kiam la okcidentaj stepoj estiĝis riĉaj kaj bonstataj, de kiam iliaj urbegoj atingis sufiĉan loĝantaron, Usono prilaboris novan leĝaron, kiu celas, tiel reguligi la nombron de la eksterlandanoj, loĝantaj sur la Usona Teritorio, kiel ankaŭ severege malpliigi la pluan enmigradon de homoj el ĉiuj ceteraj landoj. Dum 1928 la nombro de la eksterlandanoj, kiuj enmigris Usonon estis 307.255, en la 1927-a 335.175 ; aliflanke 77.457 elmigrantoj forlasis Usonon, kiu do kalkulis netan pliajon de 229.798 enmigrintoj. 158.513 el tiuj estis venintaj el Eŭropo ; el Germanujo 45.778, el la irlanda respubliko 24,544, el Grand-Britujo 19.958, el Italujo 17,728, el Danujo, Svedujo kaj Norvegujo 16.184, el Pollando 8.775, el Francujo 4.438, el Ĉeĥoslovakujo 3.531, kaj el Greklando 2.328. Aliflanke la enmigrado el Kanado kaj Meksiko estis malpli granda ol en la antaŭa jaro ; el tiuj

landoj elmigris 73.154 resp. 59.016 ; en la 1927-a, 81.506 resp. 67.721. Laŭ la sekso 165.977 enmigrantoj estis viroj, 141.278 virinoj ; eĉ ne dekono estis infanoj.

La plimulto de la eksterlandanoj enmigrintaj en Usonon estas tie nomataj « nekvalifikitaj » laboristoj, kiuj volas laboradi en Ameriko por salajro. 36.218 enmigrantoj nomas sin helpuloj, 24.161 kamplaboristoj, dum 58.928 enmigrantoj estas laboristoj specialigitaj, 28.571 praktikas servistan kaj 14.401 diversajn profesiojn. Sed multe pli granda estas la aro de tiuj, kiuj nomas sin senprofesiaj ; ĝi estas ne malpli ol 125.092, atingas do du kvinonojn de la tuta enmigrantaro.

La Usona registaro severege kontrolas la eksterlandanojn rajtigitajn eniri en Usonon. Ofte pro nuraj bagateloj ili estas ree forpelataj. En la jaro 1928 ne malpli ol 18.829 fremdulojn oni eligis pro kulpoj parte malgravaj ; al 17.885 fremduloj oni malpermesis la enmigron, ĉar ili ne posedis la postulatan enir-rajtigon.

Entute dum la jaro 1928 la eniro al Usono estis permesata al 500.631 eksterlandanoj ĉiuklasaj, el kiuj, kiel jam dirite, nur 307.255 estis tiaj enmigrantoj, kiuj rilatis la leĝan kontingenton. La ceteraj, preskaŭ la du kvinonoj de la tuta aro, estis vojaĝantoj, celantaj nur nedaŭran restadon en Usono, komercistoj aŭ turistoj, al kiu kelksemajna aŭ kelkmonata restado sur la teritorio de l'Unio estis konsentata.

La kontigenta problemo estis en Usono tiel same vigle diskutata, kiel en la Eŭropaj elmigrolandoj. La Usonaj rondoj, suferantaj pro la manko de kampkulturaj aŭ industriaj laboristoj, pledas por politiko pli grandstila, aliaj, kiuj pensas precipe pri gentaj problemoj, kaj kun zorgo vidas la alfluon de germanaj, latinaj, kaj slavaj elementoj, deziras certigi je ĉia kondiĉo la superregadon de la anglosaksa raso. Tiucele la partio, kiu celas la purecon de la raso amerikana — se oni en lando, kies loĝantaro estas miksaĵo de homoj el la tuta mondo, vere povas paroli pri tia raso — antaŭ nelonge aligis aldonon al la leĝaro pri enmigrado. Tiu aldono celas plifaciligi la enmigradon en Usonon al la anoj de la anglosaksa kaj skandinavaj popoloj, por deteni la elementojn el la meza kaj suda Eŭropo, kiujn oni taksas malpli dezireblaj

Tiu nova kontigentigo trafis precipe grave la germanojn, ĉar la konsentita kontigento estis malpliigata, je preskaŭ duono. Ili do energie prostestas, kion oni juĝos tiom pli komprenebla, ĉar Usono ĉiam akceptis la troan loĝantaron de Germanujo. Aliflanke la novaj ordonoj favoras Grand-Britujon kaj Irlandon. La kontigento de enmigruloj el tiuj landoj estas efektive preskaŭ duobligita, plialtigita de 35.000 al 60.000. Konsiderante la krizon de la labormerkato, kiu daŭras en Anglujo de antaŭ jaroj, tiu ordono eventuale grave reakcios.

Kompreneble la Usona leĝaro celas, ĉiam pli akurate kribri la enmigrulojn, kaj allasi nur tiajn individuojn, kiuj ŝajnas utilaj al Ameriko. Do Usono nepre malakceptas tiajn elementojn, kiuj povus konkurenciĝiajn proprajn ŝtatanojn ; tio komprenigas, kial manlaboristoj, kampkulturaj helpistoj kaj servistoj estas nepre favorataj.

Sed antaŭ ĉio la Amerikanoj celas kiel eble malpliigi la enmigradon de la fremduloj, dezirantaj daŭre ekloĝi en Ameriko ; en la estonteco tiu favoro, kiom eble, estu konsentata nur al la evidente asimileblaj elementoj t.e. al la anoj de tiuj Eŭropaj popoloj, kiuj, laŭ lingvo kaj deveno, pleje similas la Amerikanojn. Ĉiujn aliajn nuntempe en Ameriko oni juĝas nedezirindaj kaj trudaj kaj ilin malakceptas senindulge.

Trad. EJUNA.

# La rasa problemo en Okcidenta Indio

Atentinda estas la problemo pri la rasa dispartiĝo en Okcidenta Indio, t.e. en la mez- kaj sudamerikaj insuloj kaj kontinenteroj ĉirkaŭ la Karaiba Maro. Tie vidiĝas preskaŭ ĉiuj nuancoj kaj subspecoj de la homrasoj, kaj ankaŭ socialaj fazoj, rilatantaj al malsamaj epokoj de la homa historio. De la purblankuloj, kiuj fieras pri hispana deveno, sed kelkfoje havas ankaŭ guton da juda sango (ĉar la « Maranoj », pro timo al la hispana inkvizicio, ofte rifuĝis al la transmaraj kolonioj) ĝis la veraj negroj en Haitio kaj la puraj indianoj kaj ĉinoj, troviĝas ĉi-tie homoj, kiuj, laŭ sennombraj haŭtkoloroj, reprezentas ĉiujn imageblajn transirfazojn kaj miksaĵojn. Sed ĉiu koloro ĝenerale signifas alian socian kaston — ju pli blanka la haŭto, despli alta la socia klaso de l'individuo.

En Kubo proksimume 70 procentoj de la loĝantaro estas blankaj, la ceteraj estas plejparte nigruloj kaj malhelaj mulatoj. En la havenaj urboj vidiĝas modernegaj ŝipfarejoj, deponejoj, hoteloj, magazenegoj kaj fabrikoj, prosperanta meza klaso kaj eĉ vigla laborista movado, dum en la internaĵo, la vastegaj sukerkulturejoj, apartenantaj al Usonanoj, estas mastrumataj pere de negroj, kiuj apenaŭ estas traktataj alie ol sklavoj.

En la proksima Haitio la negruloj, forpelinte la antaŭajn francajn estrojn, reestigis la afrikanan sistemon de patriarka familipotenco, laŭ kiu naŭ dekonoj de la loĝantaro praktikas primitivan kampkulturadon. Tia « familio » ofte ampleksas plurajn generaciojn, ĝis 200 anoj. Se junulo el tiu familio edziĝas kaj konstruas kabanon, la familiestro donas al li kampon kulturotan, kiu estas nevendebla kaj okaze de morto aŭ elmigro de la posedanto revenas al la familiego. Leĝe, ĉirkaŭ la duono de la tiel kulturata kamparo estas la propraĵo de la ŝtato. La negra respubliko estas administrata de Usono. La kampulojn, kiuj loĝadas sur ŝtata teritorio kaj ne kapablas pagi la luprezon plialtigitan de la nova registaro, oni verŝajne baldaŭ forpelos de iliaj bienoj, posedataj ofte dum centjaroj de la sama familio. Por la ŝtato estas pli profite, estigi grandajn plantejojn, kiujn ĝi povas ludoni al amerikanaj koncesiuloj.

Tiaj kampuloj poste estiĝas kamplaboristoj por taga salajro de ĉirkaŭe unu svisa franko. La supera klaso de Haitio, kiu ampleksas proksimume unu dekonon de la loĝantaro — bienuloj, oficistoj, kuracistoj kaj advokatoj — parolas france, dum la kampuloj komprenas nur la kreolan lingvon, lingvaĵo el francaj, hispanaj kaj afrikanaj eroj.

La Respubliko Dominikana, en la orienta parto de la insulo Haitio, ŝajnas entute enhavi ĝuste tiujn klasojn, kiuj mankas en la ŝtato Haitio. Ĉi-tie la loĝantaro estas pligrandparte malgrandburĝa kaj vivadas en urbetoj konstruitaj laŭ hispana stilo; eĉ la ĉefurbo povus situi en hispana provinco. La hispana lingvo estas instruata en multaj lernejoj kaj bone parolata en la urboj kaj de la kampuloj ĝenerale sufiĉe bonhavaj. La Respubliko Dominikana estas laŭ la amplekso la duoblo, laŭ la nombro de la loĝantoj nur la triono de Haitio. Do la kampuloj disponas pri multe pli da spaco kaj estas ankaŭ pli aĉetpovaj ol la Haitianoj. Ilia haŭto estas bronzbruna; ili estas nova raso, devenanta el intermikso de hispanoindianoj, mesticoj kaj hispano-afrikanaj mulatoj. Estas vere ke la Dominikanoj sin juĝas blankuloj kaj tial malakceptas la minacantan negran inundon. Sed estas dube, ĉu tiun oni povas ankoraŭ longe malhelpi, ĉar la amerikana kapitalo jam ekatentis pri la fruktodona respubliko, kie la kulturado de plantejegoj promesas eĉ pli grandajn profitojn ol en Kubo.

Sur la insulo Portoriko, kie Usono regadas senpere, iom pli ol 70 procentoj de la loĝantaro estas blankuloj, 23 procentoj mulatoj kaj ĉirkaŭ 4 procentoj puraj negroj. La tuta insulo estas ununura Usona grand-bienkulturaĵo; la kampula

bienposedaĵo, kiu dum la antaŭa hispana regado estis en plimulto, nepre malaperis. Nur ĉirkaŭ 15 procentoj el la nacia riĉaĵo de la insulo apartenas al la indiĝenaro, kies ĉirkaŭa kvarono vivadas en mizero; tio kaŭzas konsiderindan elmigradon al Usono. La brita kolonio Jamaiko havas tre densan loĝantaron, plejparte angle parolantajn negrojn kies kulturo estas apenaŭ pli alta ol tiu de la Haitianoj. Le negroj de Jamaiko estas la plej malmultekostaj kaj facile haveblaj laborfortoj en la tuta Okcidenta Indio, kaj, ĉar ili scipovas la anglan, la interrilatoj kun ili por Usonaj entreprenistoj estas pli oportunaj, ol kun la negroj kreole parolantaj.

En Mezameriko ĝis nun Kosta-Riko estis taksata la plej « blanka » respubliko, ĉar la lando estas precipe loĝata de la idaro de enmigrintoj hispanaj. Sed la okazonta konstruo de la Nikaragva Kanalo, kies ne mallonga ero ĉeos la limon inter Nikaragvo kaj Kosta-Riko, verŝajne venigos en la landon dekmilojn da koloraj laboristoj, konjekteble nigruloj el la Antilinsuloj, kaj krom tio havigos la areaĵon mem al amerikanaj entreprenoj pri sukero kaj bananoj. Ĉar la ŝtato nombras nur 600.000 loĝantojn, ĝi precipe riskas nepran malaperon de sia ĝisnuna ecaro. En Panamo, kie antaŭ la konstruo de la kanalo oni parolis nur hispane, oni nun aŭdas same tiom paroli angle; estas vere ke la tieaj reprezentantoj de la anglosaksa kulturo estas okcidentindiaj nigruloj, laborantaj por la duono de la salajro ricevata de blankaj laboristoj.

La amerikana sociologo antaŭvidas, kiel la finrezulton de la klasoŝanĝoj nuntempe okazantaj en Okcidenta Indio, nepran sennaciiĝon de tiuj regionoj; la negra elemento ĉie pli antaŭeniĝos, kvankam eble nur laŭnombre. Efektive, laŭ lia opinio, la tuta teritorio konsistos, fine el aro da vastegaj grandbienoj, kiuj estos mastrumataj de blankuloj, dum la malhela subula raso produktados laboron duone sklavan aŭ servutan.




Komisiono de I.C.K.: Radio-statistiko.
Redaktas: J. Jungfer, Lindenstrasse, 10, Lübbek N.L. Germ.

**Mallongigoj.**

*D* (Dimanĉo), *L* (Lundo), *M* (Mardo), *Mk* (Merkredo), *J* (Ĵaŭdo), *V* (Vendredo), *S* (Sabato), *n* (neregule).

Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj Heroldo de Esperanto.

**Radio-paroladoj en Esperanto.**

Augsburg: n. Breslau: S. Dresden: ĉiun 2 V. Frankfurt: ĉiun 2 Mk. Freiburg: ĉiun 2 Mk. Gleiwitz: S. Graz: M. Hilversum: D. Huizen: ĉiun 2. S. Harkov: S. Innsbruck: M. Kaiserslautern: n. Kassel: ĉiun 2. Mk. Kaunas: J. Klagenfurt: M. Leipzig: ĉiun 2. V. Linz: M. Lyon-la-Doua: S. Minsk: n. Mühlacker: ĉiun 2. Mk. München: n. Moskva: S. Nürnberg: n. Odessa: n. Stockholm: ĉiumonate la 1. D. Tallinn: L. Wien: M.

**Resumo en Esperanto pri la semajna programo.**

Bern: V. Danzig: S. Königsberg: S.

**Esperanto-kursoj.**

Alĝer :M. Bratislava: Mk kaj S. Danzig: ĉiun 2. Mk. Huizen: S. Harkov: n. Königsberg: ĉiun 2. Mk. Le Havre: ĉiun 2. M. Lille P.T.T. Nord: L. Lyon-la-Doua: J. Leningrad: n. Moskva: 3. 6. 13. 16. 23. kaj 26. Paris: J.

# *Scienco*

## Esplorinte la Universon

En antaŭa artikolo ni raportis kiamaniere modernaj astronomoj prezentas al si la universon: Spaco kurbiĝanta al si mem pro ekzistanta materio. Foje oni priskribis ĝin kiel sapŝaŭman vezikon. Sed neniu bildo taŭgas, krom nura matematika formulo, tia, kian Einstein uzis por pruvi sian teorion.

Samon vi trovas, se vi serĉas la realon, ne plu en la gigantaj kvantoj de la vasto, sed en la mikroskopa mondo.

Niaj ordinaraj sentoj donas al ni kutiman bildon de la realo kaj ni ja diferencigas nature pecon da pano, ŝtonon, eĥon aŭ ĉielarkon, kvazaŭ iuj aĵoj estas pli realaj ol la ceteraj. Scienco dum centjaroj penis kaj klopodis por ekscii la fundan veron pri tio, kion ni vidas kaj aŭdas. Fine ĝi trovis ĉie nur matematikajn formulojn, kiuj certe ne permesas juĝi la eĥon malpli reala ol la ŝtonon, nek la pecon da pano pli aŭtentika ol la ĉielarkon.

Kio estas materio? Kio estas lumo? Al tiuj demandoj ne respondas la sciencisto alie ol pruvante, ke la lumo perdigas pezon al la suno, el kiu ĝi venas kaj aldonas ĝin al la fotografa papero, kiu ĝin ricevas. Li eĉ diros al vi kiom da kilogramoj perdas la suno ĉiuminute (250.000.000.000 kg). Ĉio estas fine sama kaj unu, materio kaj lumo, disradiata materio.

Kaj la etero, tra kiu iras la lumo? La moderna sciencisto klarigas ĝin kiel oportunan supozon por faciligi kalkulojn.

Pri la esenco mem kaj deveno de ĉio, moderna scienco ne plu provas nin instrui. Sed ja pri la konduto de la fenomenoj kaj iliaj interrilatoj. Malantaŭ ili niaj prapatroj supozis iajn misterajn bonvolojn kaj malbonvolojn, kiujn ili bildis al si kun homaj aspektoj.

Tie, kie ili vidis kapricojn de dioj, modernaj sciencistoj trovas nur matematikajn regulojn aŭ statistikojn. Sed ankaŭ ili emas al supozoj. Ĉar nur matematiko sukcesas klarigi ĉiujn rilatojn kaj la tutan konstruadon, ilin impresas la parenceco inter penso kaj materio kaj ne plu la kontraŭeco inter ili.

La malnova ideismo de la filozofo Berkeley refariĝas iom laŭmoda. Tamen ili se ŝatas nei, kiel li faris, la realecon de materio, ankaŭ ne la spiritan realecon de la menso, kiel faris materialistoj. Ilia konkludo estas, prefere konsideri materion kiel kreaĵon kaj manifestaĵon de la menso. Jam hindaj filozofoj prezentis al si Brahma, pensanta la mondon.

Skribas Sir James Jeans en sia lasta verko: « Ni malkovras, ke la universo montras evidentecon de iu planpensanta aŭ reganta potenco havanta ion komunan kun niaj propraj individuaj mensoj, ne — laŭ niaj ĝisnunaj malkovroj — emocio, moraleco aŭ estetika ŝato, sed la emo pensi laŭ la maniero, kiun ni nomas matematika pro manko de pli bona esprimo ».

Alie Sir James Jeans observas modeste, ke la homaj mensoj, same kiel ŝtonoj, estas nur eroj de la universala menso kaj ke ĉiu individua cerb-ero ne povas koni ĉiujn pensojn de la cerbo tuta, sed « tiu koncepto pri la universo kiel mondo pure pensa ĵetas novan lumon al pluraj el la situacioj renkontitaj en nia studo de moderna fiziko. Ni povas nun vidi kiel eteron, en kiu okazas ĉiuj fenomenoj, oni povas redukti al nura matematika abstraktaĵo tute same hiel estas ekzemple paralelojn de larĝo kaj meridianojn de longo. Ni povas ankaŭ vidi kial energion, la fundamentan unuon de la mondo, oni povas trakti denove kiel matematikan abstraktaĵon ».

Kaj tiel Jeans tute same kiel Eddington, la alia astromo. alvenas al la konkludo, ke la universo estas pensa kreaĵo kaj, ke la kreanto estas nepre matematikisto, ĉar lia pensaĵo klariĝas nur per nombroj kaj ekvacioj.

E. P.

# Literaturo

## Verôcka[1]

NOVELO DE N. ŜEBUJEV.

Ĉu efektive jam forpasis dekkvin jaroj depost kiam mi estis lastfoje ĉi tie?

Ĉu mi efektive dum dekkvin jaroj ne estis en ĉi tiu urbo, ne vidis ĉi tiun domon, ne eniris ĉi tiun ĉambron?

Jes, — dekkvin jarojn — hodiaŭ mia unua amo povus festi sian 15-jaran jubileon. Kun paroladoj, toastoj, deputacioj, kun tag- aŭ vespermanĝo laŭ listo da subskriboj.

Ho se iu estus hodiaŭ rememorinta pri la jubileulo!

---

Kaj antaŭ dekkvin jaroj mi venadis ĉi tien ĉiutage... Renkonte al mi elkuradis gimnazianineto en bruna robo, kun bruna rubandeto en nigra hararo. Kaj ni senĝene ekparoladis pri Nebukadnezaro, pri direktaj atributoj, pri la monto Popokatepetl, pri la metra sistemo, pri la asocia regulo, pri la Glacia Maro, pri hirundaj nestoj, pri Frederiko Barbarossa, pri la kondicionalo, pri la -Ce-Ce muŝo, pri hipotenuzo kaj katedoj, pri la ringoj de Saturno, pri la forkuro de Mahomedo el Mekka al Medina, pri la teoremo de Pitagoro, pri « Kuracisto kontraŭvola », pri la meridianoj...

Ho, ĉu mi nomu ĉiujn temojn kiujn ni ektuŝis dum niaj longedaŭraj intimaj konversacioj inter kvar okuloj...

Kelkfoje ni parolatingis eĉ la logaritmojn.

Kaj malgraŭ la sekeco de la temoj, niaj ĉiutagaj interparoladoj ne tedis min, nek Verôcka-n. La gepatroj de Verôcka ankaŭ nenion kontraŭdiris. Kontraŭe, ili eĉ instigis min.

Kaj kiel instigon, mi estis ricevanta de ili... 15 rublojn ĉiumonate. Laŭ la prezoj ekzistantaj tiam en Kazan, tio estis tre tre bona enspezo, kaj mi fiere tenis la standardon de instruisto je ĉiuj lernobjektoj. Kaj kun pura konscienco mi enpoŝigadis la dekan de ĉiu monato koverteton kun bankbiletoj, krakantaj en ĝi.

Kun pura konscienco... kun pura konscienco... Jes, ĉe diablo, kun pura konscienco, kvankam io ribelis kaj protestis kelkfoje en mi, kiam la patrino de Verôcka diris la 10an de l'monato: « Permesu, ke mi danku vin. Verôcka faras rimarkindan progreson je ĉiuj temoj »...

Kelkfoje mi volis forklini ŝian manon kun la koverteto kaj diri: « Vi eraras... Verôcka en la lasta semestro ree komencas malprogresi je algebro, kaj pri historio ŝi jam ricevis la unuan averton... Verŝajne la hejma instruisto estas kulpa pri tio... Verŝajne mi ne instruas sufiĉe bone kaj ne atentas la ĝustajn temojn. »

Jes, jes, mi konsciis, ke mi ne sur la ĝustajn temojn direktis mian propran atenton...

Kelkafoje mi speciale atentis obstinan buklon da nigraj haroj, malsuprenfalantan sur la frunton de Verôcka. Kelkafoje mi kun speciala atento sekvis la movon de ŝiaj rozkoloraj lipetoj, rakontantaj propresprime pri la binomo de Newton... Kelkafoje miaj okuloj longe haltis sur tiu mirinde agrabla anguleto kie la nuketo ŝanĝas je brunkolora kolo. Kelkafoje...

Ha, pri kio paroli! Mi ja estis studento, ĉe diablo, kaj ŝi — gimnazianineto, kaj tiom bela, ke mi estus malsaĝulo, se ni ne enamiĝus reciproke...

Mi ne bone memoras, kiu plej multe igis nin tiom proksimaj unu al alia: Ĉu Henriko la birdkaptisto, ĉu la grafo Rudolf de Habsburg, ĉu Karlo Martell, — sed Verôcka kaj mi, ni tiom interproksimiĝis, ke ĉiuj ĉi kvadratoj de hipotenuzo, ekvacioj kun du nekonataĵoj, Balearaj insuloj, memhumiligoj en Canossa, ktp., kiuj antaŭe ŝajnis al ni tiom gravaj, timigaj, — subite, unu belan tagon ekestis por ni tiom ridindaj, sendanĝeraj, etaj kaj kompatindaj!

Eĉ la matematiko — la plej danĝera objekto por Verôcka — jam ne kaŭzis al ni tiom da zorgoj, depost kiam mi inventis tre praktikan promemoran procedon.

— « La kvadrato de l'hipotenuzo egalas al la sumo de kvadratoj de la katedoj »... — klarigas mi al Verôcka, kaj por igi ŝin plej bone memori pri tio, mi sigelas per kiso ŝiajn lipetojn.

Jes, per k-i-s-o... Tio estas la plej bona pormemora procedo.

Nenio en la mondo estas tiom bone memorata, kiel kisoj...

Ĉion, absolute ĉion: la gvelfojn kaj gibellinojn, la monton Popokatepetl, Erasm'on de Rotterdam, la muŝon Ce-ce, la sinusojn kaj tangentojn — m vidas nun kvazaŭ tra nebulo.

Sed tiuj sciencaj kisoj, de kiuj ĉio ĉi estis akompanata, — ili brulas ĝis nun, bruligas al mi la lipojn, jen ili kvazaŭ vivantaj. Ĉu eble estas forgesi ilin? Sed mi diros al vi pli.

Ne nur la sciencaj, sed ankaŭ la tute simplaj kisoj, la plej ordinaraj kisoj, kiujn ni interŝanĝis ĉi tie, en tiu kara anguleto sub la latanio, — eĉ tiuj ĉi reviviĝas antaŭ mi, rememorigas pri ŝi kun tia mirinda klareco...

Kaj tiu latanio... kaj tiu figarbeto... kaj tiu piano...

Dio! Ĉu eble, ke depost dekkvin jaroj nenio ŝanĝiĝis... Ĉu eble, ke tuj eniros ĉi tiun salonon Maria Eduardovna kaj diros: « Permesu, ke mi danku vin. Verôcka rimarkinde progresas je ĉiuj temoj! » Mi ruĝiĝos, mia koro kuntiriĝos, kaj per malvarma mano mi prenos la koverteton kaj enpoŝigos ĝin, nerveme ĝin ĉifinte.

Kaj ŝtono premos konfuzitan animon...

Mi ja mensogis al vi, parolante pri pura konscienco...

Ĉar — ha! se vi scius, kian turmenton kaŭzadis al mi ĉiufoje tiu malgranda koverteto. Ĉio en mi ribelis...

Kiel povas mi akcepti monon de la patrino de Verôcka, kiu estis tiom proksima, tiom parenca, tiom kara al mi...

Pro kio mi akceptas monon?

Pro tiu feliĉo, kiun donas al mi la ĉiutagaj renkontoj kun ŝi, pro tiu feliĉo, kiu ne estas aĉetebla eĉ per kiom ajn da mono.

Mi ja ne povas vivi sen tiuj ĉiutagaj lecionoj, — ili ja estas al mi mem pli karaj ol la vivo, pli karaj ol la lumo... Mi ja amas ŝin...

Kaj pro mia amo mi ricevas... dekkvin rublojn ĉiumonate!...

La koverto bruligis al mi la manojn! Kaj tamen mi prenis ĝin! Kiel mi povis ne preni ĝin, se mi per ĉiuj fortoj devis kaŝi antaŭ Maria Eduardovna miajn sentojn por Verôcka. Se mi farus nur aludon, se mi elvokus nur suspekton — jam la sekvantan tagon mian lokon okupus alia instruisto.

Alia!... — Kia teruro!...

La pordo malfermiĝis kaj mi ekaŭdis:

« — Permesu, ke mi danku vin, ĉar vi ne forgesis nin »...

— « Maria Eduardovna!... ne, Veroĉ... Vera Miĥajlovna. Ĉu estas vi »...

Komence ŝajnis al mi, ke estas Maria Eduardovna, plijuniĝinta... sed baldaŭ mi komprenis, ke ŝi estas maljuniĝinta Vera Miĥajlovna... Verôcka...

Ŝi tiom ŝanĝiĝis!... Iĝis tiom pli dika, malpli delikata, tiom eksimilis la patrinon. Kaj la voĉo iĝis pli malalta.

---

[1] « Verôcka » estas dorlota formo de la rusa virina nomo Vera.

— « Ni maljuniĝis, Nikolaj Nikolajeviĉ! »

Tute ne! Pro kio ŝi pensas ke mi maljuniĝis! Mi kisis ŝian dikan manon kaj demandis, por diri ion ajn:

— « Ĉu Maria Eduardovna estas hejme? »

— « Patrinjo mortis jam antaŭ ses jaroj. Por mi kaj por Platon Nikolajeviĉ tio estis terura frapo... Platon Nikolajeviĉ tiom amis ŝin, ke je ŝia memoro li decidis ke ŝia plej ŝatita ĉambro por ĉiam konservu la saman aspekton kiun ĝi havis dum ŝia vivo... Vi rimarkas... Ĉio, ĉio en ĝi parolas pri ŝi, de ĉi tui apogseĝo, ĝis... ĉi tiu latanio...

— Jes... jes... ĉio, ĉio parolas al mi pri ŝi, kiu mortis! » — kiel eĥo mi ripetis.

— « Vi ja ankaŭ ŝatis ŝin...

— « Jes... jes... mi ŝatis ŝin...

Kaj tiel malgaje iĝis en mia koro.

— « Platon Nikolajeviĉ mendis ŝian portreton pligrandigitan »...

— « Kiu estas Platon Nikolajeviĉ? »

— « Mia edzo »... Ŝi diris ĝin tiel simple, tiel mastrume, tiel ĉiutagece.

Oni ekaŭdis sonoron.

— « Jen li venas... Cetere estas tro frue por li »...

Renkonte al mi elkuris el antaŭĉambro gimnazianineto en bruna robo, kun bruna rubandeto en nigra hararo.

— « Veroĉka! » — nevole mi ekkriis.

Ŝi enkuris kiel printempa uragano kaj subite, ekvidinte fremdulon, haltis.

— « Mia plejaĝa filino!... Nu, kial vi konfuziĝis, Veroĉka... Estas Nikolaj Nikolajeviĉ... mia hejma instruisto... kiam mi estis gimnazianino viaaĝa, li instruis min je ĉiuj temoj »...

Veroĉka salutis. Dio, kiom ŝi similis je mia Veroĉka. Kaj la sama rideto... Kaj la voĉo:

— « Patrinjo, ĉu vi malbone lernis? »

Vera Miĥajlovna kisis la frunton de Veroĉka, kaj, kvazaŭ ne aŭdinte ŝian demandon, kovris ĝin per alia:

— « Nu kiel vi sukcesis je rusa lingvo? »

— « Tre bone!... Mi tiel timis, tiel timis, panjo. »

— « Mi vidas laŭ la okuloj, ke vi ricevis la noton kvin! » — mi diris al Veroĉka.

— « Jen, vi ne divenis »...

— « Nu, do kvar kun pluso »...

— « Ha-ha-ha... Nek kvar »...

— « Ĉu tri, eble? Kiom do ?»

— « Neniom! Oni tute ne ekzamenis min. Mi timis, mi timis, kaj, dank' al Dio, timis vane »...

Ŝi korektis neobeeman harbuklon, falintan sur la frunton. Dio! Kiel bone mi konas tiun buklon... kaj tiun geston.

Kaj printempa kanto sen vortoj ekkantis en mi:

Veroĉka foriris sian ĉambron. Sed la printempo restis, nekaptebla, plena je trankvila ĝojo.

— « Kiom ŝi similas vin! »

— « Ĉiuj tion diras. Platon Nikolajeviĉ certigas, ke ankaŭ ŝiaj kapablecoj egalas la miajn. Ankaŭ maldiligenta ŝi estas kiel mi. Li volas inviti al ŝi hejman instruiston... studenton... Tamen mi ne aprobas tion... Kion vi opinias? »

Ŝi demandis tiom simple, tiom mastrume, tiom trankvile. Kaj ĉe mi tiu demando ekpremis la koron per neklarigebla malagrabla antaŭsento.

— « Nur ne instruiston! » — ekkriis mi varme: — « Nur ne instruiston! Invitu fraŭlinon, instruistinon... Nur ne studenton! »...

Ĵaluzo, diabla ĵaluzo ekkaptis min.

Mi ĵaluzis mia estintan Veroĉka'n al ŝia estonta instruisto.

L. H.

# EPITAFO

## en formo de balado

de François Villon

---

François de Montcorbier, aŭ Desloges, pli konata sub la nomo François de Villon, naskiĝis en Parizo 1431 kaj mortis 1484 aŭ 1489. Vivis vagabonde. La nunan poemon li verkis, atendante la pendigon. Unua franca lirikisto. La animskuan forton, sovaĝan kaj elementan ardon de liaj baladoj ĝis nun ne superis alia lirikajo. La 500 jara datreveno aktualigas supran tradukon.

---

*Homfratoj, kiuj vivos plu sur tero,*
*Ne havu krudajn korojn kontraŭ ni,*
*Ja, se vi nin kompatos pro l' mizero,*
*Vi trovos mem indulgon entaŭ Di'*
*Jen kvin, aŭ ses, ni pendas, tie ĉi,*
*Kiun tro nutris ni, la karn' malpia,*
*Jam konsumiĝas en putrado fia,*
*Kaj ni, la ostoj, iĝos cindro, polvo.*
*Ne moku nin kun rido ironia,*
*Sed petu por ni Dion pri absolvo.*

*Ho fratoj, ne malŝatu kun fiero*
*Ĉi krion, kvankam juste estas ni*
*Ekzekutitaj. Scias vi pri l' vero,*
*Ke ne distingas ĉiun saĝa pi'.*
*Ho preĝu do kun kora emoci'*
*Al sankta Fil' de virgulin' Maria:*
*Ne velku por ni lia graco dia,*
*Ne brulu ni sub la infera volbo.*
*Ni mortis jam, do for insulto ĉia,*
*Sed petu por ni Dion pri absolvo.*

*Jen, lavas nin kaj vipas pluv-vetero,*
*Nigrigas kaj ŝrumpigas sun-radi',*
*Kaj manĝas bird' el nia okul-bero,*
*El brov' kaj barb' elŝiras pli kaj pli,*
*Sen halt' momenta svingas la furi'*
*De l' vento nin, laŭ sia plaĉ' varia,*
*Jen al ĉi-flanko, jen al flank' alia,*
*Fingringe nin bek-truis pigo, korvo,*
*Vin gardu do de kunfrateco nia,*
*Sed petu por ni Dion pri absolvo.*

Dediĉo.

*Princo Jesuo, mondregant' radia,*
*Nin ŝirmu, savu de l' Satan' rabia,*
*Ne ligu plu nin al li ŝuld' sen solvo,*
*Kaj homoj, ĉesu rido, moko kria,*
*Sed petu por ni Dion pri absolvo.*

El la franca: K. Kalocsay.

---

# Amerikana Sprito

Venkinto en batalo dum la ĉina civila milito estas tiu, kiu estas plej proksima al telegrafa oficejo. *(Dallas News)*

Gvidu vian amikinon al la altaro, tiam via gvidado ĉesos. *(Detroit News)*

La usona negocado malsanas je la tro multaj profetoj kaj la tro malmultaj profitoj. *(New York Evening Post)*

## Sieburg, Thérive kaj Romain Rolland pri kulturo

Interesan diskuton kaŭzis apero de la verko de Friedrich Sieburg : *Ĉu Dio estas franca.* Publikigita unue germane (*Gott in Frankreich*), ĝi poste venis en franca traduko kun responda letero de la eldonisto mem, Bernard Grasset. Temas pri eŭropa kulturo.

La germana verkisto amas Francujon kaj ĝian eternan ĉarmon. Li vidas en ĝi konservejon de tiu homa valoro, sen kiu la mondo progresus tro teknike kaj tede. Iomete li komparas ĝin kun la spirita Oriento kontraŭ la materia Okcidento. Ne malsimile Duhamel esprimis sian senton post vojaĝo en Usono.

Sed Sieburg volus, ke tiu franca valoro prenu sian lokon en eŭropan kulturon. Li trovas admiratan Francujon tro « nescivolema », tro limigata je ĝia propra rondo kaj vidanta la universalecon tro ekskluzive sub formo de franca racio sen partopreno de aliaj vidpunktoj. Li timas, ke tiu izoleco alvenos je tio, ke internacia kulturo konstruiĝos ekster Francujo, sen ĝi, kaj suferos dolorigan mankon de tiu elemento, kiun Francujo reprezentas. Samtempe Francoj pli kaj pli malfidos ĉion internacian, ĉar « fremdan » kaj suferos mondan izolecon.

Kompreneble la libro kaŭzis bruon en Parizo kaj interesajn polemikojn en revuoj kaj ĵurnaloj. La konata literatura kristikisto André Thérive skribas en « Le Temps », 18 Decembro 1930 :

« Se ni kredus S-ron Sieburg, Francujo, kun ĉiaj ĉarmoj kaj kvalitoj, kulpas volante resti fidela je propra kulturo kaj kontraŭante tiamaniere eŭropanismon. Denove laŭ mia sento, rimarkinda *flatus vocis*. Kio estas precize la eŭropa kulturo, se oni ĝin analizas ? Kion povas tiel diversaj landoj alporti komune, krom interesoj ? Amikecojn certe, kaj senparolajn artproduktaĵojn, laŭdifine apenaŭ naciajn. Sed sur kampo literatura, ekzistis eŭropa kulturo nur en la tempo kiam la eŭropa elito parolis france. Benjamin Constant kaj la Princo de Ligne estis eŭropanoj same kiel Voltaire, aŭ, se vi preferas, francaj same kiel li. Depost tiu tempo, kaj speciale nun, Eŭropo, sen Francujo, ŝajnas signifi nur germanismon. S-ro Sieburg malfacile kaŝas tiun dilemon. Estas tute juste kaj inde, ke li pledas por sia tezo ; sed ĉiuj tezoj havos daŭre ion malklaran aŭ eĉ malsinceran, se oni apartigas la unuecan penson de la lingvo ĝin esprimanta. Tutmonda kulturo ne uzos kiel ilon, laŭ nia supozo, internacian lingvon. »

S-ro Thérive ne klarigas, kial li eĉ ne konsideras tiun eblecon. Li kredeble neniam esploris serioze la demandon. Li kredas ebla la alprenon de la angla lingvo kiel dua helpilo en la mondo, sed li ne montras altan ŝaton pri ĝia enhavo. Sur la eŭropa kampo li vidas nur unu konkurencon eblan kontraŭ la franca lingvo, t.e. la germanan, sed li ne kredas je ĝia sukceso, ĉar Francujo ne lasos eŭropanismon fariĝi nova formo de pangermanismo. Sed li tamen vidas tie danĝeron.

« Francujo ĉiam celis esprimi en sia lingvo kaj kulturo ion pli vastan, skribas S-ro Thérive. La vorto pangallismo neniam ekzistis kaj estas ne-imagebla. Temas pri humanismo tute simple aŭ universalismo. En tiu senco ni ja kredas, ke Dio estas franca, Dio, t.e. ne ia Sabbaoth, kies apogon oni petas, sed la sorton mem de la homa raso. »

Poste S-ro Thérive asertas, ke la franca raciismo starigas la homon kiel centron de la mondo, dume la germana intuicio emas al vasta senlimo, senforma naturo, k.t.p. Li citas enketon de Paul Arbousse Bastide pri humanismo kaj kritikas la opinion de Romain Rolland, kiu diras ke per nuraj tekstoj oni ne povas akiri kulturon :

« Granda popolo, skribas R. R. esprimas per sia skribata lingvo nur parton de siaj sentoj, vivospertoj kaj racio. Kiu poemo, kiu romano analizas pli profunde la homan koron ol la germana skulptarto de la dekkvina centjaro ? Ĉu la praktiko de la logika konstrua racio ne profitus la intelektan studon pri granda preludo de Fugo de J. S. Bach? »

Laŭ S-ro Thérive tia deklaro nur pruvas, ke Romain Rolland estas unu el la plej « germanaj » kapoj ekzistantaj. «Ĉu vi scias kio estas Francujo? Estas fine la lando kie pro humanismo, aŭ pro lingvaj leĝoj, aŭ pro cerba grizaĵo, aŭ pro ia speciala dia beno, oni konsideras tiaspecajn demandojn kiel strangaĵojn. »

Se tiel estus, tiam la tutan libron de Sieburg pravigus S-ro Thérive per sia propra konstato. Sed ekzistas multaj francoj, kiuj komprenas alie, kaj ili ne estas pro tio « germanoj » sed simple iom pli eŭropaj aŭ homaj ol li. Same ekzistas en Germanujo spiritoj emaj ŝati kaj kompreni la kulturon al klareco, kiun S-ro Thérive konfuzas kun malriĉiga limigo. Sian artikolon li finas per tiu konkludo : « Dio rajtas sin proklami franca tiom, kiom li estas ankaŭ literaturisto ».

En alia artikolo ni aludas pri la britaj astronomistoj kiuj nun alvenas al konkludo, ke Dio nepre devas esti matematikisto, se li kreis la mondon. Einstein lin volonte konsiderus ankaŭ kiel muzikiston, kaj multaj germanoj same. Saĝe estus lasi lin ekster tiuj diskutoj kaj ne starigi vanan vetkonkuradon inter diversaj artoj, sciencoj aŭ naciaj kulturoj, kiuj prezentas nur diversajn aspektojn de la homa kompreno.

Kio brilas en tiu polemiko, tio estas ĝuste la malfacileco atingi malpli nacian kaj pli vaste kompreman spiriton sen internacia lingvo por ĝin esprimi. Tiun temon ni pritrakas en la ĉefartikolo.

---

## NUBO

(laŭ rusa poeto PUŜKIN.)

*Nubo erara, sola restinta*
*Post la pluvego dispeliĝinta!*
*Sola en bruo ĥlara vi vagas,*
*Kiel ombro malgaja vi agas,*
*Tagon ĝenante reĝojigitan.*

*Antaŭ nelonge vi ĉielon ĥovradis,*
*Kaj la fulmo ĥolere vin trafendadis;*
*Kaj la tondron misteran vi eligadis*
*Kaj teron avidan per pluvo nutradis.*

*Sufiĉas! Kaŝiĝu! La tempo jam pasis:*
*Refreŝiĝis la ter', la tondro forpaŝis;*
*Kaj vento, foliojn de l'arb' ĥaresanta,*
*De ĉielo vin pelas sereniĝanta.*

Esperantigis C. R.

---

# Tra la libraro

*Prozo. — Poezio. — Religio. — Politiko. — Lernolibroj.*

Tra la librero, mi devus skribi, ĉar svarmas en Esperantujo la broŝuroj ; ne malpli ol 23 kuŝas antaŭ mi, kaj nur du aŭ tri meritas nomon libreto. Ĉu libroj ne estas aĉetataj ? Ĉu ĉiu novulo pensas famiĝi per presaĵeto ? Ĉu mankas revuo por akcepti studojn ? Oni pardonu recenzanton, kiu pro lokŝparo devas nur koncize kaj seke raporti.

S-ro Morariu ne nur apostolas en nordaj landoj, li ankaŭ konigas al ni rumanajn aŭtorojn. Liajn antaŭajn : « Niĉjo Mensogulo » kaj « Nobela Poko » premiis la Akademio. La nova *Sonorilo kaj Kanono* estas poemaro en prozo de Emil Isak ; la antaŭparolo, kiu citas diversajn uzintojn de tiu stilaĵo, ne aludas al «Versaĵoj en Prozo » de Turgenev, bone esperantigitaj de Kabe. Sonorilo kaj Kanono estas simpla sed perfekta verketo, ame kaj zorge prilaborita de l'tradukinto. Ŝajnas, ke Esperanto speciale taŭgas por tia formo, ja pli ol por versoj. La mallongaj tekstoj temas ofte pri milito kaj paco ; leginte unu, oni fermas la libron, la okulojn, kaj pripensas. Jen paĝeto el la belaspekta libreto :

MALJUNULO.

Oni demandis la reĝon, kion li deziras ?
— Donu al mi la regnon de alia reĝo !
Oni demandis la scienculon ?
— Donu al mi la sencon de l'vivo kaj la ŝlosilon de (l'morto !
La poeton :
— Ĉiujn alaŭdojn de l'mondo kaj ĉiujn florojn.
La heroon :
— Laŭrokroŋon post la venko.
Kaj oni demandis la artiston :
— Donu al mi la rideton de l'infano vidanta sian (patrinon !
Sed kiam oni demandis la maljunulon, tiu malgaje (respondis :
— Nenion donu al mi !

*Gracia*, historia dramo de Kosecu Fuĵisaŭa, estas tia tipa japana klasika teatraĵeto, kian oni laŭfame konas. Juna edzino de foririnta militisto opinias malhonoriga fariĝi garantiulino ĉe malamiko de l'edzo ; ŝi do preferas sinmortigon. Feliĉe ke fumo kaj bruo de eksplodo malpermesas ke la « hara-kiri » estu videbla sur la scenejo. La traduko de l'drameto estas sufiĉe bona.

Pli malampleksa aukoraŭ estas *Traktado pri la origino de Japana popolo*, kun tre interesa supozo : ke iam malajaj viroj forrabis koreajn virinojn, kaj ke tiuj edziĝoj naskis la nacion de Pleviĝanta suno. Pruvoj estas, ke teknika konstruo de l'pradomoj, vira heredaĵo, estas laŭ malaja tipo, dum japana lingvo, virina transdonaĵo, parencas al la Korea. Interesa klarigo de malfacile solvebla enigmo.

Kiel Sro Pfeffer provizas per lernolibroj Aŭstrujon, tiel agas S-ro Kenngott en Usono. Lia nova *Internacia Legolibro* estas vere literatura antologio, kun originale verkitaj tekstoj, sufiĉe longaj, de diverslandaj aŭtoroj. Tre plezure oni legas, ekzemple, la fantaziaĵojn de P. Stojan, la germandevenajn legendojn de A. Kenngott, la familiajn tragedietojn de Louise Briggs, la pikantajn vojaĝskizojn de R. Kreuz, la higienajn konsilojn de D-ro Mezei, (li ja incitas virinojn korekti la naturon por plibeliĝo) kaj, fine, la finan tekston de Finnlandano, pri senfineco, kie la heroo trovas tragedian vivfinon. Varia enhavo, malmultaj eraroj, bona preso kaj papero. Sed kial citante strofon el Zamenhofa poemo oni ĝin kripligas ?

Jen venas versaĵkolektoj : tri originaloj, unu traduko. Neniu el la tri malkaŝas tre talentan poeton, kaj la kvara estas strange novstila.

S-ro A. Smit publikigas sian duan poemaron : *Roseroj* ; vojaĝinte, li versigis siajn impresojn kaj memoraĵojn pri landoj, urboj, viroj kaj virinoj. Versoj korektaj, agrablaj, plaĉaj albumaĵoj, iom unutonaj, kies ideoj ne speciale postulis versformon. Jen unu soneto :

RENDEVUO.

Ĉe la turo kampanila
Je sonoro sonorila
Dum itala vesper-hor',
Batas vigle mia kor'.

Svelta ŝia belfiguro
Proksimiĝas al la turo —
Ŝiajn paŝojn aŭdas mi.

Baldaŭ venos « signorina »
Kun kapeto dece klina,
Tamen flamas okul-par'
Sub la nigra brovo-har'.

En la ombro de la muro —
Lumon ja malŝatas ni —
Sonas ama melodi !

En *Poemo de Plugisto*, de H. M. Hrima, la versaĵoj sence sinsekvas, kaj rakontas epizodojn de homvivo. Suferis la junulo :

Mi infantagojn ne memoras
samkiel sklavo laboradis mi ;
al mi la vivo nur rigoras,
labor' min premas ĉiam pli kaj pli.

De jaro naŭa min blasfemis
farmeja mastro dika kaj grasplena ;
pro liaj krioj mi timtremis, —
la vivo gustis al mi jam venena.

tial li fariĝis revoluciema :

La cel' de Lenin
inspiros jen nin
al la batalo
kun Kapitalo.

Ni estas junkosmopolitoj
proletojn ni levos el koto.
Pereu la burĝ-parazitoj,
for ĉi abomena Golgoto !

Vilaĝaj aŭ junaj sentoj ja superas politikajn ! Tro da he ! ho ! hej ! kiel ŝtopiloj. Tamen ia bloko, kiu post maturiĝo eble ion fruktigos. Stranga renkonto : Arima bedaŭras :

Ŝin sopiras ĉiam mi,
mia korp' kaj mia kor'...

dum Smit konstatas :

Plietiĝis la distanco,
Inter korp' kaj kor de ni.

jen la diferenco inter pesimisto kaj optimisto.

Post regulaj, jen pli liberaj versoj, ne pro tio malpli poeziaj. Ilin verkis lerte Herbert Hesse en *Sonoj novaj kaj malnovaj*, kie milito, revolucio aŭ amo ankaŭ estas temoj. Jen fino de valso :

Jam laca de la bril'
la koro mia ĝemas,
opala ornamil'
dolore frunton premas.
Ĉifiĝis mia vest'
en danco furioza,
forvelkis dum la fest'
Girlando akvoroza.

En fremda mano kuŝas
la mia forgesita,
orelon mian tuŝas
banala vort' dirita.
En brua multkolor'
finiĝis bal'brilanta.
Pri rev' de l'virga kor'
rakontis vals' ploranta.

Pli kuraĝa provo estis traduki rusan modernan poeton el futurista skolo, V. Majakovskij. La antaŭparolo de *Per voĉo plena* diras, ke la poemoj « estis destinitaj por la strato, por la deklamo el tribuno », ke « la verso utiligas la sugestan forton de la paŭzo », ke la tradukintoj celis « reprodukti en esperanto la karakteran strofan zigzagon de la rusa originalo », ke tiu poezio « signos sendube multajn vojojn

ankaŭ al la naskiĝanta proleta esperanta literaturo ». Provo interesa ; kredeble talente laŭtdiratai, plaĉus versoj, kies nura preso iom surprizas. Ĉu tiel estonte prezentiĝos poezio ? Ĉu tia kaskada diserigo estas necesa, efika ? Jen kiel prezentas la aŭtoro al oficisto sian pasporton :

Subite,
kvazaŭ
per broga,
pun,
Kripliĝis
vizaĝo
lia.
La sinjor' oficisto
prenas nun
ruĝhaŭtan
pasporton
mian.
Li prenas ĝin,
kvazaŭ
ĝi estas
bomb',
aŭ erinac',
aŭ razila lameno,
aŭ serpent'
kun dumetra long'
kaj dudek
pikiloj
venenaj.

N° 2, dua serio, Biblioteko Nova Kulturo, alportas du novajn predikojn de P. Danov : *La Talantoj* kaj « La elmontro de la spirito ». Kiel la antaŭaj, tiuj predikoj konsilas pri modela vivo per paraboloj imitataj de l'Nova Testamento. Bona esperantigo, sed nenio tre nova en tiu morala instruado.

Por pli bone konigi la celon de tiu apostolo, aperas broŝuro aldona al la kolekto : *Religio-Filozofia vivkoncepto de Petro Danov.* Liaj principoj estas komparataj kun tiuj de aliaj novaj religiaj movadoj. Danov ne kontraŭas la eklezion, li citas nur Evangelion, li intencas sintezi la spiritajn akirojn de Oriento kaj de Okcidento, li pretendas montri la vojon al vera nuntempa kristismo.

*Patroj* estas traduko el malnovhebrea Miŝna'o ; la formo kaj la ideoj similas al partoj de Malnova Testamento. Verketo interesa por fakuloj en religihistorio, ekzemplo de tre malnova literaturo. Sed mankas por laikuloj klarigo pri graveco de l'fonto, celo de l'traduko.

La partoj de *Esperdona Irlando*, kiuj konigas tiun landon kaj ĝiajn loĝantojn estas tre interesa ; bildoj ankaŭ ; la ĉefa parto de tiu belaspekta broŝuro estas pledado por enkonduki katolikismon ĉe popolo ĝis nun tute protestanta ; ĝi estas tiel klera, diras la verkinto, ke ĝi fariĝis tro apatia, aŭ tro tolerema, pri religiaj konvinkoj.

En *La Kialo*, komercisto predikas al sia oficistaro pri animsavo. Iom tro da diverstemaj ideoj, ĉar la aŭtoro volas refuti ĉiun el la kontraŭreligiaj argumentoj. Cetere tute ne teda estas tiu propagandilo kun malofta kuniĝo inter komerco kaj religio.

Alia prediko ankoraŭ, kaj aliaj moraligaj rakontoj en *La Eterna Evangelio*, dua libreto samtitola, tradukita el Finna lingvo. Intencoj kaj traduko tute laŭdindaj.

En 1905 fondiĝis en urbo Ivanov-Voznesensko la unua soveto, ĉe strikantaj teksistoj. Ili kunvenis plenaere, borde de rivero Talka. Tial broŝuro, *Ruĝa Talko,* memorigas tiun historian okazintajon por instruo al novaj generacioj invitataj kompari la antaŭan mizeron kun la hodiaŭ realigitaj progresoj.

133 *Tagoj de Sovethungario,* jen kompilo el diversaj artikoloj detale rakontantaj la tutan historion de Hungarujo dum la mallonga venko de komunista partio en 1919. Pro ĝia pleneco kaj precizeco, la libro fariĝas tre valora historia dokumento, kie revoluciemuloj kaj iliaj kontraŭloj multon povas lerni ; tiajn eksplodojn oni ĝenerale konas tro supraĵe ; estas interese scii pri malfacilaĵoj diversaj ĉe statrenverso, pri preparo al socialigo de uzinoj, bankoj, mono, armeo, pri agrarpolitiko, diktatoreco, pri la kialoj de l'fina malsukceso. Literaturaĵoj kaj bildoj kompletigas la verkon. Eĉ je lingva vidpunkto, la tabelo de l'neologismoj estas studinda laboraĵo.

Sub titolo *Preparantoj de milito*, oni tradukis la akuzan konkludon subskribitan de prokuroro Krilenko por la proceso kontraŭ la tiel nomata « industria partio ». Niaj gazetoj nacilingvaj ja raportis pri tiuj scienculoj kaj inĝenieroj kulpigataj ruze konspiri kontraŭ Soveta reĝimo kaj prepari ĝian detruon kun helpo de fremda apogo. Kompreneble, tiu ampleksa dokumento prezentas tezon tute malan al tiu de l'burĝa kaj socialista ĵurnalaro. Kiu pravas ? Kaj kiu provas « plenŝtopi niajn kraniojn » ?

En *Kulturo nacia kaj internacia*, la antaŭparolo de E. Drezen kaj partoj el la tradukitaj paroladoj de J. Stalin, aludas la problemon mem de internacia lingvo. Laŭ ili, dum epoko de proleta diktatoreco, Esperanto estas nur teknika helpilo. Sed iam, post venko ĝenerala de komunismo, tiam oni povos kunfandigi ĉiujn kulturojn kaj estigi por tiu renovigita homaro unikan komunan lingvon, kiu eble ne estos Esperanto, sed kiun Esperanto antaŭiras kaj preparas. Jen la tezoj, iom paradokse kaj skolastike traktataj.

Fine la *Protokolo de la Xa kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda* en Londono, speciale destinata por S.A.T. anoj, ankaŭ montras al aliaj akran disputon inter du tendencoj, laboremon kaj diskutemon ĉe l'kongresintoj ; tial ankaŭ fleksiĝas nia lingvo, pliriĉiĝas ĝi por tiaj ideaj debatoj ; entute la detala raporto liveras pri S.A.T., ĝiaj celo, agado kaj interna vivo fidelan ĝeneralan vidon.

El alia mondflanko, el Ĉinio venas *La paca mondo de virinoj*, traktaĵo pli ol feminisma, ĉar ĝi ne proponas aliaĵon ol renverson de l'nuna sociordo per tio, ke virinoj devas ĉion estri kaj viroj ilin obei ; tiam estos certigata paco, estos solvataj ĉiuj sociaj problemoj. La broŝuro, kiu tradukis nur enkondukon kaj konkludon de ĉina libro, ne estas lingve perfekta.

---

Belege grandlitere presita, sur dika papero, estas la *Unua kursolibro de Esperanto*, por Japanoj, de Joŝi H. Iŝiguro. Kompreneble nur la elementojn povas instrui 12 mallongaj lecionoj. La aranĝo ŝajnas tre taŭga, kaj neniun eraron ekvidis la leganton en la partoj por li kompreneblaj.

*Esperanto-Zirkel*, ankaŭ kurslibro, de S. Rublev, estas traduko por Germanoj de rusa kvina eldono. Legaĵoj, temoj por interparolado kondukas al praktika uzo por korespondado kaj gazetlegado. La aŭtoro ĉefe klopodis ŝpari la lernotajn radikojn kaj zorge elektis ilin laŭ ilia plej ofta uzado, kiun fiksis science denombrado de multaj presaĵoj. Sed tiu lerte aranĝita instruilo, pro la ekzemploj ĉerpitaj el soveta komunista medio, ne estos volonte uzata en aliaj rondoj.

Fortan antaŭeniron de Esperanto pruvas la plena, bone ordigita *Membro-listo de Nederlanda Societo Esperantista* « La estonto estas nia ». Tio estu !

15 januaro 1931. G. S.

# Universala Esperanto-Asocio

**Nuna stato -- Statistiko 1930 -- Propaganda Servo -- Esperantista Libertempejo**

La krizo nun trairanta tutan mondon havas ne unu sed plurajn kaŭzojn, ekonomiajn, politikajn kaj psikajn. Sed ĉefa kaŭzo por ne atingi trankviliĝon kaj prosperon estas la *manko de konfido*. Tiu ĉi manko de konfido ekzistas same interne en ĉiu lando, kiel ekstere en rilatoj de unu lando al alia. La neebleco, solvi la plej urĝajn problemojn en kontentiga maniero, kreas reakcion kontraŭ ĉiu ideo ĝis nun kondukinta la spiritojn. Tiel ni vidas la kreskon de malsana naciismo, la akriĝon de la kontrasto inter kapitalo kaj laboro kaj fine la malfidon al provoj de la kondukantoj, inter-digi la riveregon de la senlaboreco. La mondo suferas je troeco de ĉio, de nutrajoj, de varoj, de mono kaj de... kanonoj. Plej brulanta estas la solvo de du ĉefaj problemoj : La senlaboreco kaj senarmigo. Ambaŭ interplektiĝas kaj ambaŭ estas same gravaj por la restarigo de konfido, sen kiu neniu solvo ebliĝas. Povas esti, ke ni atingis jam la kulminacian punkton de la ekonomia premo nin sufokanta. Intertempe ni ne nur esperu sed ni subtenu la klopodojn de tiuj, kiuj laboras por la paciĝo de la mondo.

La manko de konfido internacia grave influas la vivon de ĉiuj institucioj laborantaj por interpopola konkordo. Kaj laste ankaŭ la vivo de la internacia movado de Esperanto grave suferas sub tiuj cirkonstancoj. Sed ne nur eksteraj fortoj malhelpas regulan evoluon de nia movado ; ankaŭ internaj komplikaĵoj kunhelpas malfortigi la efikon de komuna penado. Tute ne parolante pri la tendenco apartiĝi de la ĝenerala movado, jam ne tre forta, ekzistas ĉiam ankoraŭ la emo, malgraŭ la spertoj pasintaj, fondi ion novan. Haltiĝis ja la *gazetfonda febro*, verŝajne pro la fakto ke ĉio estas pli multekosta kaj la abonemo pli malgranda. Se ne la samaj kaŭzoj ankaŭ malhelpus la tutan movadon, oni ja nur povus ĝoji pro la neapero de iaj periodaĵoj « *nepre necesaj* » kaj « *plenumantaj urĝan bezonon* ».

---

Pli grava ankoraŭ estas la ŝanĝita mentaleco de la nuna mondo, la foresto de idealismo en la junularo, la manko de mono kaj de honoroficaj kunlaborantoj. Estas ja tute certe, ke okazos ŝanĝo post iom da jaroj. Dumtempe necesas konservi la verkon de D-ro Zamenhof, por kies enkonduko jam laboris kaj oferis sin centoj kaj centoj da fervoruloj. Ni ne atendu ion de registaroj, kiuj dependas preskaŭ ĉiam de faktoroj ne influeblaj de ni. Oni atentas nian aferon jen kun bonvolo, jen jun malfido. Tamen oni atentas ; dependas de ni mem, ŝanĝi tiun atenton el bonvolo aŭ malfido en netan favoron.

Al nia antaŭa artikolo, paĝo 11 de la Januara numero venis aro da favoraj respondoj sub formo de aliĝoj kiel Subtenantoj. La dua listo aperos en venonta numero. Kiel ni supozis, la varbado iom ekhaltis.

Estas nenio alia ol la timigo pro la krizo. Ĉiu atendas kaj atendas, dume ja devas vivi la Asocio. Ni turnas nin al ĉiuj kun la peto, klopodi pri varbado de novaj anoj, ĉu Membro, membro-abonanto, subtenanto aŭ dumviva membro. La ĉefa enspezo de la Asocio estas ja la kotizoj. Por kuraĝigi la varbantojn, ni konsentas belan premion elekteblan laŭ listo.

Alia ero de nia laboro estas la servoj. Dum tiu ĉi monato ni preparas statistikajn foliojn por la jaro 1930. Ni konstatas, ke kelkaj delegitoj erare resendis al ni la not-foliojn, sur kiuj devus nur esti kronologie notataj la servoj plenumitaj la statistiko sendota al ni fariĝos nur post fino de jaro kaj sur folio sendata ankoraŭ. Ni ripetas, ke de la konscia plenumo de la servopetoj dependas la valoro de nia Asocio por la aliĝinto. Sen tiuj servoj kaj ilia efiko, la lingvo ne havus tion, kio ĝin fakte igas lingvo, nome la aplikon.

Pri la lokoj kun Delegitoj ni notas daŭran, kvankam tre malrapidan kreskon. La dumil lokoj ankoraŭ ne estas atingitaj sed atingeblaj. Ankaŭ tie malhelpas grave la nunaj cirkonstancoj. Ofte la samideanoj akceptintaj la oficon, devas forlasi tiun lokon pro labora kondiĉo aŭ ne povas repagi la kotizon. Ni memorigas tie ĉi, ke al kelkjaraj Delegitoj nepovantaj pagi la kotizon ni konsentas favoron, pri kio informas ĉefdelegito aŭ la Centra Oficejo. Personoj kiuj konas samideanon en loko sen Delegito bonvolu komuniki tion al ni aŭ al la ĉefdelegito, por ke ni faru la neceson.

Senhalte oni propagandu. Sen daŭra propagando la publika opinio ne rezonas. Jam antaŭ jaroj ni konigis ideon, entrepreni eldonon de unuformaj propagandiloj en naciaj lingvoj. Post detala ekzameno ni starigas novan servon. Estas *Servo de Propagando*, kiu akcelas la eldonon de propagandiloj. Intencata estas unue la presado en la lingvoj, gravaj por nia movado. Male je la kutima maniero aranĝi mem la tekstojn, ni starigas konkurson je kiu povas partopreni ĉiu, kiu sentas inklinon. Bonvole legu atente :

1. Estas malfermata Konkurso pri teksto de nova propagandilo, bazo de nacilingva propagandilo unuforma.
2. Povas partopreni tiun konkurson ĉiu samideano, plenumanta la kondiĉojn sekvantajn.
3. Objekto estas la verkado de teksto, (En esperanto) montranta en klara maniero la avantaĝojn de Esperanto, de nacia kaj internacia vidpunkto, la plej rimarkindajn faktojn en diversaj sferoj, la profitojn konkretajn eltireblajn el la nunaj servoj de la movado, k.t.p.
4. La longeco de la teksto ne transpasu 3.000 literojn, la formo estu konvinkiga, ne truda, la faktoj veraj, Ne prediku esperojn sed rakontu faktojn. Konvena desegnajo ne fantazia, sed esprimanta la bezonon de internacia lingvo aŭ simboliganta la uzon de Esperanto, estas utila aldono, kvankam ne deviga.
5. La teksto estu maŝinskribita kaj portu devizon, sed ne nomon. la Nomo de la verkinto estu sendata aparte kun la devizo, sen aliaj aferoj kun cito « Konkurso 1931 ». Ambaŭ alvenu ĝis fino de Marto 1931 en Ĝenevo.
6. Estas konsentotaj jenaj premioj :
   1-a : 125.— 2-a : 75.— 3-a : 50.— Frankoj svisaj krome sep premioj « konsolaj » konsistantaj el valoraj libroj de nia literaturo. La nomoj de ĉiuj partoprenontoj estas konigotaj en ESPERANTO. La dek premiotaj laboraĵoj apartenos al UEA, sen plia pago al la verkinto.
7. La juĝantaro estas formota de tri spertuloj, kaj de la Komisiono de UEA kunvenonta dum Pasko 1931 en Ĝenevo.

Jam pasintan jaron ni intencis restarigi malnovan servon de libertempejoj esperantistaj. Ĉiujare multaj samideanoj pasigas libertempon en montaro aŭ ĉe maro, ofte ankaŭ en eksterlando. Jam ekzistas aro da hoteloj aŭ pensionoj kies estro estas esperantisto. Ni intencas do unue kompili liston de esp. pensionoj aŭ hoteloj mezgrandaj, kie Esperanto estas parolata. Laŭ tiu ĉi listo ni preparos kondiĉojn kaj regulojn por tiu ĉi servo. Por 1931 ni organizas internacian libertempon en ĉeĥoslovaka banloko. Pri la detaloj vidu sekvantan paĝon.

Kaj nun : Antaŭen kun fido.

Hans Jakob
*Direktoro de UEA.*

# Internacia libertempejo

**Provo de nova servo de UEA**

La partoprenintoj de niaj universalaj kongresoj bone scias kiom ĉarmaj estas la internaciaj amikaj interrilatoj. Sed dum la nuntempaj universalaj kongresoj de esperanto restas relative nur tre malmulta tempo por intimaj, personaj interrilatoj. Tro da programo oficiala malhelpas pli fundan konatiĝon reciprokan. Dum 1930 okazis ja interŝtataj karavanaj ekskursoj esperantistaj, kiuj donis novan eblecon sur la kampo de internacia interamikiĝo.. Laŭdinda novaĵo. Tamen ĝia celo unuavice kuŝas en la vizitado de la vidindaĵoj kaj certe ne mankas eĉ oficialaĵoj. Tial ni venas kun ideo tute nova, por kiu ni petas atenton de ĉiuj samideanoj, kiuj serĉas neoficialan, trankvilan pasigon de iom da tempo en esperantista rondo.

Nia ĉeĥoslovaka ĉefdelegito estis komisiita elserĉi taŭgan lokon por Internacia Libertempejo, kiun ni inciatos dum somero 1931 kaj li rekomendas al ni trankvilan, senbruan banlokon Lázne Belohrad en Ĉeĥoslovakujo.

La urbeto Lázne Belohrad kun 1.650 loĝantoj estas situita en nordorienta Bohemio, 297 m super marnivelo, en ĉarma rondvalo, ĉirkaŭita de arbaroriĉaj montetoj de l' Krkonoŝe aŭ Riesengebirge. Dank' al la favora situo la klimato de la loko estas tre bona, la taga temperaturo de majo ĝis oktobro ne ŝanĝiĝas kaj tiel, ne rigardante al la specialaj kuraciloj, Lázne Belohrad estas taksata kiel bonega, klimata loko. Granda tute ebena arbaro formas belegan, 600.000 m$^2$ ampleksantan parkon kun bele aranĝitaj vojoj, kun ripozejoj, kun banejo ĉe la limo. La banloka domo estas ekipita per ĉiu moderna komforto. La ĉarma ĉirkaŭaĵo kun multaj montetoj kaj arbaroj donas la eblon je ekskursoj kaj nelacigaj promenoj al diversaj interesaj lokoj.

Kelkaj minutoj de la loko estas situita la stacidomo en kiu haltas ĉiutage 15 vagonaroj. Fervoja kunligo tre bona.

Prezoj: Hotelĉambro unulita: Kĉ 12. —, dulita: Kĉ 22 ĝis Kĉ 33.—. Taga pensio (loĝado kaj manĝado) en hoteloj de Kĉ 26.— tage po persono. En privataj domoj ĉio malpli kara.

(Cent kĉ. valoras 3 Dolarojn aŭ 15,30 Frk. svis.)

Gvidlibreto kun detalaĵoj en Esperanto estas preparata kaj estos dissendata en Marto al ĉiu, kiu interesiĝos.

Samideanoj, kiuj volas pasigi iom da tempo dum julio kaj aŭgusto 1931 en bela, trankvila, saniga banloko, en malkara, simpla komforto, malproksime de la monda bruo, estas kore invitataj al Lázne Belohrad, kie en tiu tempo ili ĉiam trovos esperantistojn ĉu eksterlandajn, ĉu enlandajn. Kelkaj ĉeĥoslovakaj familioj esperantistaj jam promesis loĝi tie dum la montrita tempo kaj estos farita bona propagando en la multnombra esperantistaro ĉeĥoslovaka, kies anoj uzos ĉiun sian liberan tagon por veni al Lázne Belohrad kaj travivi tie agrablajn horojn en societo internacia. La aranĝantoj promesas krei vere internacian, esperantistan kolonion, en kiu neniam oni enuos. Ne estos oficialaĵoj, solenaĵoj, laboraj kunsidoj, sed nur kaj nur amika, trankvila vivado kun bona humoro en mezo de belega naturo.

Kiu interesiĝas pri la afero, bonvolu skribi depost marto al Universala Esperanto-Asocio, Teritoria Oficejo por Ĉeĥoslovakujo en Hradec Králové 628-a, kiu per helpo de la loka UEA-delegito en Lázne Belohrad organizas la entreprenon.

# Unua Mond kongreso de la Inform-Oficejoj, Institucioj de Kredit-Protekto kaj Enkasig-Organizacioj en Wien, 14.-18. Decembro 1930.

## Decidas enkondukon de Esperanto.

Laŭ iniciato de S-ro Bernhard Selzer, oficisto de la granda Viena Inform-Oficejo « Confidentia », la estraro de l'Aŭstria Esperanto Delegitaro sukcesis meze de l'jaro 1930 interesigi la organizan komitaton de ĉi tiu kongreso pri Esperanto. La komitato sendis simpati-leteron al la kongreso de Oksfordo, petante informon, kian moralan subtenon ĝi povos atendi de la esp. organizo.

La Universala Kongreso de Oksfordo unuanime adoptis rezolucion, kiu kun bondeziroj al la Viena Komitato alvokas la Esperanto-organizaĵojn disponigi al ĉi tiu organizacio sian tutan helpon.

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Ĝenevo komunikis ĉi tiun rezolucion al la komitato kaj submetis al ĝi div. proponojn. El la koresponado rezultis invito al la direktoro de ICK, S-ro Robert Kreuz, fari paroladon pri Esperanto kaj ĝia aplikebleco en la inform-branĉo en la nomita kongreso. La ICK kompreneble akceptis la inviton.

* * *

La Kongreso estis solene malfermata la 14 Decembro en la pompa salono de la iama nova imperiestra kastelo (Neue Hofburg), en ĉeesto de proksimume 400 personoj, sub la estrado de S-ro Frisch, prezidanto de la Viena Inform-Oficejo « Confidentia ». Reprezentantoj el 23 landoj ĉeestis la kongreson, inter alie turka delegacio, 11 personoj, gvidata de du turkaj parlamentanoj, D-ro Hassan Ferit Bej kaj Dro. Halit Bej, ambaŭ el Istanbul. Post la enkonduko kaj salutvortoj de direktoro Schuschitz, vicprezidanto de la Centra Unio de l'Inform-Oficejoj, la iniciatinto kaj ĉeforganizinto de la kongreso, sro. Kun, ĉefdirektoro de la « Confidentia » faris rimarkindan paroladon pri la historio de la Kreditprotekta Organizo, ĝiaj celoj, perspektivoj kaj estontaj taskoj, por kies plenumo internacia kooperado estas necesa. La kongreso, kaj aliaj sekvontaj, helpu al starigo de platformo por tio. Sro. ĉefdirektoro Kun estis nomata prezidanto de la kongreso.

Sekvis salutparoloj de div. fakuloj kaj representantoj, i.a. de Dro. D. de Berinkey, eksa ministrara prezidanto de Hungarlando, de Dro. L. Radvanyi reĝa hung. konsilisto, prezidanto de la landa asocio de la fakgazetaro hungara, de rajtigito de la regna ekonomia ministerio Krelsen, Dro. Vonwald kaj de sro. Kreuz, direktoro de ICK kaj delegito de la Ekonomia Ĉambro de Princlando Liĥtenstejno.

* * *

Laŭ aparta invito de sro. ĉefdirektoro Kun sro. Kreuz ankaŭ havis la parolon en intima bankedo de la kongreso en la kela festsalono de l'Viena urbdomo, dum kiu li parolis en germana lingvo kaj en Esperanto. Li uzis tre taŭge la okazon por prepari la kampon kaj trovis multan atenton, precipe pro la mallonga esperanto-parolado. S-ro Kreuz, kiu ankaŭ tre aktive partoprenis la faklaborojn cetere apartenis dum la kongreso al la plej aplaŭditaj oratoroj.

* * *

La 15.12. komenciĝis la laboroj de la kongreso. Dum 5 tagoj ne malpli ol 35 fakparoladoj estis faritaj kaj diskutataj. La paroladoj okazis plejparte en germana lingvo, kelkaj en itala lingvo. Kelkaj eksterlandanoj nur legis germanan tradukon de sia raporto aŭ faktezo. Priparoloj okazis en germana, itala, franca kaj hungara lingvoj. Jam montriĝis lingvaj malhelpoj por tia grava fak-kongreso.

* * *

Je la 15. 12. estis malfermata fak-ekspozicio pri la nuntempa stato de la komerca inform-branĉo kaj la kreditprotekta organizo, ĝiaj praktikaj iloj kaj helprimedoj. La estraro de A.E.D. organizis tre bonan esperanto-ekspozicion kun helpo i.a de l'Ekspozicia Servo de UEA, (laŭ praktika vidpunkto), kiu kompare okupis plej grandan lokon ol ĉiuj aliaj fakoj. Ĝi estis multe vizitita, ankaŭ dum la sekvantaj tagoj.

* * *

La 17 decembro vespere je la 18a horo sro. Kreuz, direktoro de I.C.K. en Ĝenevo, paroladis pri « Esperanto kiel nepre necesa helpilo en la kreditprotekta organizo ». Li pli precize parolis pri la uzo de Esperanto inter inform-Oficejoj kaj informdonantoj. La riĉega tagordo devigis al redukto de la paroltempo por ĉiuj oratoroj. Sro. Kreuz disponis nur pri 15 minutoj. En tre konciza kaj tre klara maniero li informis la kongreson pri Esperanto, ĝiaj celoj kaj utileco. Li rikoltis apartan aplaŭdon pro siaj praktikaj proponoj pri enkonduko de Esperanto en tiun ĉi fakon. La parolado estis tre multnombre vizitita. A.E.D., interkonsente kun la organiza komitato, ankaŭ invitis interesitojn el Vieno. La prezidanto de la kunveno aparte salutis ilin antaŭ la parolado.

Je la fino sro. Kreuz en germana kaj franca lingvo prezentis rezolucion pri Esperanto, kiu estis unuanime akceptita kaj transdonita al la direkcia komitato por plua prilaboro.

Je la sama posttagmezo la kongreso deklaris sin konstanta organizo kaj entreprenis konstitucion de konstanta kongresa komitato. Ĝi konsistas el 30 delegitoj de div. nacioj, el kiuj 6 formas la direkcion. Sro. direktoro Kreuz estas elektita membro de ĉi tiu direkcio. En la intereso de la esperanto-afero ni devas saluti tiun ĉi elekton. Ni estas certaj, ke el ĝi rezultas bono por ambaŭ movadoj.

* *

En la ferma kunsido de la kongreso la 18 decembro sinsekve estis konfirmitaj la rezolucioj submetitaj al la direkcia komitato por ekzameno pri la efektivigebleco. En ĝi ankaŭ estis konfirmata senŝanĝe kaj unuanime la teksto de la rezolucio proponita de sro. Kreuz kaj subtenita de la direkcia komitato, kiu tekstas :

*LA KONGRESO*

*konvinkita pri la praktika signifo kaj pri la utiligebleco de la internacia helplingvo Esperanto, jam pruvita en la tuta mondo*

*ANTAŬVIDAS*

*por la estonto la enkondukon de Esperanto en sian organizon laŭ plej larĝa skalo,*

*KOMISIAS*

*la direkcian komitaton entrepreni kaj akceli ĉiujn paŝojn kaj preparojn, necesajn por tio kaj,*

*REKOMENDAS*

*por atingo de tiu ĉi celo al la reprezentantoj de la organizacio estonte postuli, laŭ ebleco, de siaj kunlaborantoj kaj oficistoj la scion de Esperanto.*

La rezolucio estis aparte subtenita de sro. ĉefdirektoro Kun, prezidanto de la kongreso, de Komerca konsilisto sro. M. Natz, hon. prezidanto de la regna organizo de l'komercistoj de Aŭstrio ktp., de reĝa konsilisto Dro. L. Radvany, Budapest, k.a. Ĉi tiu lasta malkovriĝis kiel malnova amiko de nia movado. kaj hon. membro de esp. grupo en Budapesto.

Antaŭ kaj post la traktado multaj kongresanoj esprimis sian praktikan intereson pri Esperanto kaj petis pri proponoj rilate enkondukon en sian entreprenon.

* *

La direkcia komitato estis prezentata la 18 decembro al la ministroj de l'Komerco kaj Justeco kaj al la Vickanceliero de Aŭstrio S-ro Schober.

La rezolucio de ĉi tiu kongreso havas pli ol nure paperan valoron. Ĝi ankaŭ estas pli ol nura simpati-esprimo de interesitaj praktikistoj. La inform-oficejoj kaj organizoj por kredit-protekto multparte dependas de buŝa kaj skriba traktadoj, de korespondado ktp. La laboro etendiĝas super la tuta tero. La firmo « Confidentia » kun preskaŭ 100 oficistoj sola havas pli ol 7000 abonantojn. La laborkampo de ĉiuj kongresanoj estas apenaŭ taksebla. Multaj entreprenoj estas nur malgrandaj aŭ mezgrandaj kaj dum la tuta jaro praktike suferas pro la malfacilajoj de la multlingveco. La akcesora karaktero de multa detallaboro en tiu ĉi fako devigas je racia organizo. Esperanto estas por ili unu el la plej taŭgaj helprimedoj. La alvoko al la komercistoj mem, postuli de sia kunlaborantaro la scion de Esperanto havas do speciale grandan signifon. Estas menciinde, ke la kongreso interalie decidis starigi Centron de Inform-Interŝanĝo (Clearing), por kiu ankaŭ Esperanto estos uzata kiel lingvo de korespondado, de traduko, formuloj ktp. La vigla intereso de la kongres-partoprenintoj eblígas antaŭvidi vere bonan perspektivon por la enkonduko de nia lingvo en ĉi tiun fakon. Dependos de la esperantistaro kaj de ĝia lerteco eluzi ĉion. Prezentiĝos ne nur multaj propagand-okazoj, sed ankaŭ sufiĉe da eblecoj por praktika kaj eĉ pagita laboro per-esperanta.

Jam unufoje la postmilitaj malfacilajoj ekonomiaj donis al Esperanto la eblecon ludi konsiderindan rolon kiel racian helpilon. La praktika uzo de Esperanto en la internaciaj foiroj altiris grandan publikan intereson. La foiroj mem post plenumo de sia tasko plejparte malaperis. La laboro en ĉi-tiu kampo ne estos efemera, ĉar la komerco ne povos malhavi, por ĉiam, inform-servon kaj kreditprotekton.

Espereble la ICK mem zorgos pri tio, ke la atentinda rezultato de ĉi tiu iniciato estos ĝis ekstremo eluzata kaj subtenata de ĉiuj esp. organizajoj. La fakto, ke la direktoro de ICK estas direkcia membro de la Konstanta Kongreskomitato multrilate faciligos la progreson en tiu interesa sfero. Ĉiuj esperantistoj devos kontribui al la sukceso.

ĈEESTINTO.

## Honorigo de S-ro Rob. Kreuz, Direktoro de l'ICK

Kiel ni jus aŭdas, la organizintoj de la kongreso transdonis al sro. Kreuz, direktoro de ICK en Ĝenevo, arĝentan honormedalonsimboloj kaj la enskribo : Pro specialaj meritoj.

## KONKURSO

Dezirante pruvi sian simpation al la Esperanto-Movado, Internacia Societo por Homaa Kulturado, "Le Trait d'Union", (Interligilo), malfermas konkurson inter membroj de ĉiuj Societoj Esperantistaj en la mondo. La demando estas 3000-vorta teksto en Esperanto pri " Influo de Vegetarismo al la morala kaj socia progresado ".

La Plej bona verko estas rekompencata per 250 fr. franka sumo kaj aperos en " Régénération ", organo de " Trait d'Union ".

La konkursantoj pruvu sian membrecon per atesto de l'Esperantistaj Societoj, kies anoj ili estas kaj sendu la tuton, antaŭ la 15- an de Majo 1931, al la sidejo de la jam montrita " Trait d'Union ", 73 bis, rue Bobillot, Paris 13. [Bonvolu represi]

# Opinioj pri la moderna vivo

La progresoj de la moderna vivo transturnis multajn fundamentajn ideojn kaj kreis verajn facilecojn kiuj tute ŝanĝis la homajn bezonojn.

Malfeliĉe, ĉiu medalo havas du flankojn. La moderna vivo ja havas la sian kaj ni intencas ekzameni en la nuna artikolo kaj la sekvantaj, ĝiajn konsekvencojn sur la organismo. Ni certe ne volas altiri atenton sur tiuj lastaj, simple por ilin lumigi, kio lasus niajn artikolojn malkompletajn, sed ni volas alporti la pli **racian solvon al tiuj problemoj kiuj havas unuagradan gravecon en la ekzisto de ciu homo.**

La nuna vivo karakteriziĝas per grandega rapideco en ĉiuj niaj efektivigoj. Ni laboras rapidege, ĉiam premitaj per urĝaj aferoj, pro la neceso gajni sufiĉe da mono por vivigi familion, krei al si modestan bonhavecon aŭ ankaŭ sin riĉigi.

Eĉ la pli urĝegaj bezonajoj de la homa naturo suferis sub la influo de tiu pli kaj pli produktodona vivo. Ni preskaŭ ne havas tempon por manĝi, ni forrabas iom al la horoj de nia dormotempo. Ni ne plu havas tempon por pensi.

Ĉio tio en diversbrua atmosfero kiu, malgraŭ la akirita alkutimo, forprenas al ni ankoraŭ konsiderindan parton el niaj fortoj nervaj, kun spirito ĉiam altirita je tuja kaj rapida efektivigo de niaj deziroj.

Tiuj gravaj problemoj kaj la reagoj de nia agmaniero sur nia vivo devas vin interesi. Pro tio ni konsilas al vi legi niajn sinsekvajn artikolojn. Ili certe estos por vi valora instruo kaj aliparte vi legos kun profito la ĵus eldonitan broŝuron de la « Fondation Naturiste, 9, Rue des Moulins, Alger » pri tiuj temoj.

Tiu broŝuro estas sendate post simpla demando, sen ia ajn promeso viaflanke.

# Esperantista vivo

### Naskiĝo

*** Al Ges-roj Skupin en Dossenheim (Baden), filo Marie Leauzio, 11.12.30.

### Fianĉiĝo

*** F-ino Ida Sternberg, M de UEA en Bucuresti kun s-o Jakobo Josefovici, Bucuresti Ruman.

### Edziĝoj

*** S-ro Robert Wolf, Ano N-ro 7140 de UEA en Dresden kun F-ino Franziska Liehr,

*** S-ro Andrej Golachokowski, Delegito en Lida, Polujo, kun F-ino Albertine Kiere, MA 26994 el Bruĝo, Belgujo, 26.12.30.

*** S-ro D-ro M. J. Ziomek, MA en Krakow kun F-ino Stanislawa Kula 24.9.30.

### Honorigo

*** S-ro Fritz Stangl, MA de UEA en Wien estis nomita Registara Konsilanto.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-INO NINI BECK, instruistino, M de UEA en Bucuresti.

S-RO WLADIMIR STAHULAK, MA de UEA en Bjelovar, Jugoslavio, 4.12.1930. Agema, modesta kaj helpema amiko.

S-RO JAMES G. PYKE, MA 4701, Melbourne. Malnova ano de UEA. Vizitis la Centran Oficejon dum Septembro 1930. Ekvojaĝis hejmen sur ŝipo Balranald. Post matenmanĝo 15 Oktobro malaperis de sur la ŝipo. (Laŭ B. E. Januaro).

S-RO DANIEL HENRY LAMBERT, Worthing, Anglujo. 11.11.30 Pioniro de Esperanto. Atestis la fondakton de la Brita Asocio 1907. Tradukis Makbeto, Julio Cezaro.

F-INO L. M. LAGNY, Anino 11456, Abingdon, Anglujo, 28.11.30.

S-RO GAIETA BALSELLS, kataluna samideano, kasisto de la kwina universala kongreso en Barcelona, presidanto de la Kataluna, Federacio, sepdekjara. (Laŭ K.E.).

*Sinceran kunsenton !*

## En kelkaj linioj

*** Por prepari kompletan liston de ĉiuj ĝis nun aperintaj gvidfolioj kaj gvidlibroj turismaj, S-ro Albrecht Naumann, Johannes-Allee 12, Grossenhain, Germanujo, Sa., deziras ricevi ekzempleron de tiaj eldonaĵoj precipe malnovaj. La materialo servos por prepari varban broŝuron eldonotan de la Germana Esperanto-Asocio.

*** La Internacia Ĉe — Instituto de Esperanto avertas pri S-ro P. G. Pamporov, bulgaro, vojaĝanta en Eŭropo kaj proponanta sin por gvido de Ĉe-kursoj, sen rajtigo. Utilajn informojn oni sendu al la direkcio de la Instituto, 32 Oostduinlaan, Hago, Nederlando.

*** Analoge al la kreo de Internacia muzeo de Esperanto en la fama Nationalbibliothek en Vieno (en la kastelo Hofburg), S-ro Edvardo Kŭhnl, L.K. donacis sian amplekssan bibliotekon kiel fundamenton de simila kolekto en la kadro de la biblioteko de la Nacia Muzeo en Praha. (Resumita laŭ Prager Presse, 4.1.1930.L.A.).

*** La Prusa Ministerio de l'Internaj Aferoj pagas la koston por ĉiu policano kiu partoprenas specialan Ĉe kurson en Berlin. Oni atendas dekreton de la prusa ministro Severing, laŭ kiu la instruado de Esperanto, estos kuraĝigota en ĉiuj policaj faklernejoj.

## 28a Franca Esperanto-Kongreso

Programo :

*Sabato* : 23. Oficiala akcepto. Vizito de la urbo, antikvaj konstruaĵoj, fama muzeo.

*Dimanĉo* : 24. En la Duka Palaco : Laborkunsido de la Burgonja Federacio. Poste de la S.F.P.E. — Festeno. Balo.

*Lundo* : 25. Ekskurso per aŭtomobiloj, vizito de la historiaj kasteloj. Tagmeze, festeno en Beaune, centro de plej fama vino franca. Vizito de Hospitalo Hôtel Dieu kaj ĝia muzeo.

Por ĉiuj informoj sin turni al : S-ino Tournanville, Hotel Continental, Dijon.

## Postkongreso en Varsovio

Varsovia esperantistaro interkonsente kun Pollanda Esperanta Delegitaro P.E.D. decidis aranĝi postkongreson en Varsovio, post la Universala Kongreso en Krakovo. Loka Organiza Komitato ekkomencis la preparojn por inde gastigi la Esperantistaron en Ĉefurbo de Polujo.

Loka Organiza Komitato.
Adreso : ul. Widok 19. Warszawa.

## Gekolegoj Instruistaj !

Mi turnas min al ĉiuj, kiuj ŝatas nian « Kunlabora o n » kun IALA. Faktę tiu laboro ĉiurilate taŭgas por suksesigi niajn celojn inter la gekolegoj kaj en la lernejoj. Sed ĝi restos vana, ĝi eĉ povos fariĝi iluzia, se ĝi ne helpas plifortigi nian fakan asocion « TAGE » (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj). Ni bezonas tian organizacion. Aliĝi al ĝi estas nepra postulo, ĉar nur tiam la oficiala TAGE-gazeto, nia « IPR », kiun ricevas ĉiu membro de TAGE, povas ekzisti. Ĝi ne plu povas ekzisti, se ĝia abonantaro ne kreskas. Ni bezonas abonantaron de 1.200 membroj, por ke la gazeta budĝeto estu en ordo. Nuntempe ni pro la tro malalta kotizo kaj pro la sekve de la nesufiĉe granda abonantaro — ankoraŭ tro alta prezo de la gazeto ĉiam havos deficiton.

Permesu, ke mi atentigu vin pri via devo kaj bonvolu sendi al mi deklaron pri aliĝo al TAGE kiel eble plej baldaŭ. La « Laborkomisiono por TAGE » komisiis min, peti vian helpon. Mi esperas, ke vi plenumos mian peton vi alsendi la deklaron de via aliĝo rekte al mi.

Martha Moelke
*Brandenburgische Str.* 5., *Berlin-Südende (Germanujo)*

NB. Bonvolu sendi vian deklaron laŭ jena skemo :

Mi aliĝas al TAGE kaj estas preta, pagi ĝis la................ la kotizon de 1 dolaro por 1 jaro.
Nomo detala adreso

## Oni dankas

*** S-ro Hiroshi H. Yamada, VD en Nagoya, Japanujo, kore dankas al S-ro Iĉio Sun VD en Shanghai pro afabla bonvenigo kaj gastameco dum restado.

*** Sinceran dankon al S-ro Oscar Bünemann, delegito de UEA en Hamburg por la afabla akcepto kaj amikaj konsiloj, kaj al S-ro Ernst Klemm, superinstruisto en Chemnitz, por oferema helpo en tre gravaj aferoj dum mia 5 taga restado en la urbo. A. Bartoŝ, del. de UEA en Podobora-Chotêbuz, Ĉeĥoslovakio.

*** S-ino Schwangart, anino 29038 en Dresden, skribis : Dum vojaĝo tra la Balkano mi ĝuis la helpon de la UEA Delegitoj tiel, ke mi sentas min devigata ree danki al ili.

Jam por la preparoj min helpis multe la informoj de Sinjoroj Bernfeld-*Wien* kaj Atanasof-*Sofia*. En *Budapest* S-ro Balkanyi zorgis — veninte persone kun du skoltoj esperantistaj al la ŝipo — por mi. En Istanbul estis S-ro Goemans tiom afabla. Malgraŭ tempo ne sufiĉa, li venis al mi en la hotelon, faris bonegan restadprogramon kio ebligis, ke dum la sep tagoj mi vidis sen troa laciĝo la ĉefajn vidindaĵojn, gvidis min en la bazaron. En *Saloniko* S-ro Argiropoulos mendis ĉambron por mi en hotelo, sendis al mi specialan serviston al la ŝipo. S-ro Johano Spataris, oferis sian liberan tempon kaj sin montris vera samideano. Alveninte *Beogrado*, mi estis gastigita per S-ro Klajiĉ ; S-ino Ivanĉiĉ dum tuta tago gvidis min kaj montris al mi ĉion vidindan.

*** S-ro Rag. Paolo Bossi, D en Abbiategrasso, Italujo, kore dankas al S-ro Rag. Castiglioni, D en Como pro afabla akcepti dum bicikla vetkonkurso. Plie al S-ro Orengo por afabla helpo dum 15a kongreso en Como.

*** S-ro Oskar Sohr, Ano de UEA en Baĉka Topola, Jugoslavio, kaj eks-tipografo en la presejo de *Esperanto* esprimas sinceran dankon dankon al la Direktoro de UEA, al la presisto de la revuo S-ro Granchamp kaj al la laboristoj en la presejo por afabla helpo kaj bonvolo dum malsano.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Braila* (Ruman.). — S-ro Liko Abramovici, str. Unirei 175 veche. PM. k.ĉ.l., PM rumanajn laŭ Yvert 930/31 ; minimume 300 ekz.

*Budapest.* — S-ro Imre Károly Kovárcz, Maria Terézia tér 16.VI.4, PI kun transcoceanaj samideanoj.

*Haapsalu* (Estonio). — S-ro J. Pääbo, Viedemanni, 4, PM.

*Huddersfield* (Angl.). — Geknaboj 11-ĝis 13-jaraj deziras korespondi poŝtkarte kun samaĝuloj. Skribu unue al la instruistino, F-ino Morton, Beaumont Street., Council School.

*Kovolovice p. Tistin* (Ĉeĥoslov.). — Navrátil Jan, abelkulturisto kaj foto-amatoro petas pri interŝanĝo de interesaj fotaĵoj el abelkulturista vivo, terkulturo, fotaĵojn de pecetetaj utilaj dombestoj, kreskaĵoj, floroj, ktp. Respondo garantiata.

*Küstrin-N,* (Germanujo). — S-ro Bernhard Düll, Meteorologo, Fortstrasse 9, L. k.ĉ.l. pri la rilatoj inter radio-ricevo kaj vetersituacio.

*Post Kohlscheid bei Aachen* (Germanujo). — 6 knaboj katolikaj, 12 jaraj, belaj PI kun eksterlandanoj. Adr. Lernanto Karlo Nussbaum, Knabenpensionat Bleyerheide.

*Reusel N. B.* (Nederlando). — S-ro Jan T. M. van den Hout 22-jara, Adr. Karel I. fabr., PI., L., kĉl, gesamideanoj.

*Schkeuditz bei Leipzig* (Germanujo). — S-ino H. Kluge, Amtsgericht, L., pri kutimoj, virina vivo, literaturo eksterlandaj.

*Wellington* (New Zealand). — S-ro M. J. Ravelich, c/o G.P.O., P.M. k.ĉ.l.

*Zaragoza* (Hispan.). — S-ro Antono Pinilla, Ballestar 9-3-e, PI.

*Zaragoza.* — S-ro Antono Pitar, Plaza del Pueblo 8-1-e, PI.

# Petoj kaj Proponoj

*Adresŝanĝo :* Petro Stojan LK, sciigas sian novan adreson : Impasse Aïre 531, Acacias, Genève.

*Adresŝanĝo.* — S-ro Wm. McGuigan, el Wellington Nov-Zelando ; nuna adreso : S-ro Wm. McGuigan, c/o Mrs F. Helwick, 1026 Whitby Avenue, Yeadon, Philadelphia, Pa., U.S.A.

*Bavara samideano* pro malbon-sorto en grava mizero, petas noblanimajn esperantistojn je helpo por sia familio. Josef Neher, barelisto, Obergünzburg 101 (Bavario, Allgäu).

*Ĉiu vera Esperantisto*, volas funde studi la lingvon kaj ĝian internan ideon. Do partoprenu superan kurson perleteran.
Severa kontrolo. Postulu senpagan enkondukon de L. Funken, D de UEA, diplomita instruisto de Esperanto, Moselweisserstrasse 20, Koblenz, Germanujo.

*Ĉu estas la kapitalo ?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Edziĝo.* — Kiu riĉa juna fraŭlino ebligus al 54 jara sciencisto, bavaro, scianta interalie la ĉinan kaj japanan lingvon kaj skribojn,efektivigi post senripoĉa fraŭleco dumvivan revon pri ideala edziĝo kaj filmaktoreco ? Georg L. Meyer, Spitalgasse A. 211, Augsburg (German.).

*Filatelistoj.* — Vendas PM (Servajn aerajn, bonfarajn), PK, maŝinstampajojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6

*Filatelistoj.* — Mi volas interŝanĝi PM kun ĉiuj nordlandoj ĝis Latvio, Dancigo, Luksemburgo inkluzive. Krom tio kun Hungarujo. Nur seriozuloj sendu PM. Bazo : Katalogo Yvert 1931. Responde sendos estonajn latvajn kaj bonajn alilandajn PM, Certe respondos. J. Lõhmus, Poska str. 10, Valga, Estonio.

*Fotografaĵoj.* — Mi serĉas fot-aĵojn de diservoj de la diversaj religioj preĝejoj, pastroj, k.t.p. Ankaŭ de diservoj en la sama loko kun aliaj religioj kaj de preĝejoj kiu servas al du aŭ pli da religioj. Mi plezure pagos la bildojn aŭ donos PM. D-ro phil. Karl Brehm, Komerca delegito de UEA, Calle Victoria 7 Valencia, Hispanujo.

*Interŝanĝon* de esp. lernolibroj kaj vortaroj el ĉiuj landoj, kontraŭ polaj esperantaĵoj deziras : Jan Zawada, Sekretario de Esperantista Societo « Laboro », ul. Zaciszna 2, M. Ogrod Czerniakow Warszawa. (Polujo).

*Korespondado speciala.* — Mi ĝentile petas doni al mi informojn pri stenografio, lingvoj, etonografio, instruado de Esperanto, kutimoj kaj ceremonioj, turismo, cigana lingvo. Teodoro Kovács, Delegito de UEA, Rákosszentmihály, Hungarlando.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE